# Etnismo




N-RO 20 INFORMILO PRI ETNAJ PROBLEMOJ 01.12.78

# LA KOMPLIKAJ NORD-FRISOJ

La plej norda "lando" de la Federacia Respubliko Germanio, Ŝlesvigio-Holstejno, posedas en sia konstitucio de 13.12.1949 artikolon pri la statuso de naciaj minoritatoj en siaj limoj:"La sindeklaro pri aparteno al nacia minoritato estas libera; ĝi ne liberigas de la ĝeneralaj devoj de ŝtatano." (art. 5)

En Ŝlesvigio-Holstejno vivas du etnaj (naciaj) minoritatoj(1), unu kies membroj sin sentas apartenantaj al la dana nacio, kaj alia kies membroj ne povas apogi sin sur alia parto de la sama nacio formanta ŝtaton: la frisoj. La dana minoritato ekestis kiel rezulto de la historia lukto inter daneco kaj germaneco en tiu limlando. Finpunkton al tiu lukto metis referendumo en 192o, el kiu rezultis la nuna limo inter Danlando kaj Germanio. Neevitebla sekvo bedaŭrinde estas ankaŭ ke en Danlando postrestis grupo kiu sin sentis germana kaj nun formas nacian minoritaton en tiu lando, kaj sude de la limo vivas minoritato kiu sentas sin dana.




(La map-skizo estas farita laŭ Nils Århammar. 1968.)

En la okcidenta marborda parto de la limregiono loĝas jam de la mezepoko frisa popolo. Oni ne precize scias kiam kaj kiumaniere ili venis tien, sed la sciencistoj sufiĉe samopinias ke iam inter 8-a kaj 12-a jarcentoj p.Kr. frisoj de la pli suda Frislando setladis en ĉi tiu regiono nomata Norda Frislando, nun samnoma administra distrikto. La nordfrisoj estis specialistoj de batalo kontraŭ la rabema maro kiel iliaj kuzoj en Nederlando. Tamen ili devis doni grandajn tributojn terajn kaj homajn al la morti-

ga malamiko kaj samtempe nutriga tereno, kiun ili ekspluatis kiel fiŝistoj, maristoj kaj serĉataj baleno-kaptistoj. La plej grandaj atakoj de la maro estis katastrofo en 1362, kiam multaj lokoj kun siaj preĝejoj dronis, kaj la granda tiel nomata "hom-dronigilo" (platgermane: "Manndränke") en 1634, kiu postulis pli ol 9.000 homajn vivojn, kiuj aldoniĝis al la viktimoj de la amasmurdisto, la 30-jara malpaco, en Germanio.

La frisoj - ĝisostaj individuistoj - neniam sukcesis formi ŝtatosimilan komunaĵon. Nur ekstera malamiko kelkfoje igis ilin agi kune, sed tuj poste la unuiĝo disiĝis. Tiuj eksteraj malamikoj estis precipe danaj reĝoj kaj la anoj de la farmista "respubliko" Dithmarschen, sude de Nordfrislando. La kamparanoj de Dithmarschen plej longe sukcesis rebati la kunigitajn feŭdajn fortojn de la dana reĝo kaj holstejnaj dukoj kiuj tamen venkis ilin definitive en 1559. De tiam la dana reĝo regis la landon ĝis antaŭ la pordegoj de Hamburgo.

La frisoj sentis sin frisoj, la frisa lingvo estis bona signo pri tio, sed inter ili ne ekestis sento de propra nacieco. Kiam la ondoj de la nacia vekiĝo, en la 19-a jarcento, alvenis en tiu ĉi norda regiono, ili interesite sekvis la aferon kaj eĉ tre aktive partoprenis ĝin ----- kiel danoj aŭ germanoj! Du elstaraj nomoj de la nacia lukto de tiuj jaroj estis frisaj: Harro Harring kaj Uwe Jens Lornsen, la unua sur la dana flanko, la alia sur la ŝlesvigi-holstejna/germana flanko. Dum la fina referendumo tuj post la perdita de Germanio milito en 1920, la frisoj voĉdonis kun granda plimulto por la germana flanko. Sed tamen, apud tiu efiko de la vekiĝo de la eŭropaj nacioj, fajrero trafis la frisojn ankaŭ kiel frisojn, kaj ĉiam estis kelkaj homoj kiuj aktivis por la frisa afero, t.e. precipe favore al la lingvo.

La germanoj havis kelkajn avantaĝojn por la frisoj: Tiuj ĉi estis jam delonge alkutimiĝintaj al la germana lingvo kaj al tiu kulturo. La lingvo de la preĝejo kaj sekve tiu de la lernejo estis la germana, unue la platgermana kiel regiona kaj superregiona lingvo kaj poste la altgermana, kiu sekvis la piedsignojn de la lutera reformacio kaj fariĝis oficiala lingvo en norda Germanio kaj en tiu parto de la dana regno kiun administris holstejnaj dukoj kaj grafoj sub la reĝimo de la dana reĝo. La frisa lingvo fariĝis lingvo de la vilaĝo aŭ de la insulo, la platgermana, jam fariĝinte hejma lingvo de la frisoj en la plej suda parto de Nordfrislando, restis regiona komunikilo inter la vilaĝanoj apartenantaj al la dana, platgermana kaj frisa lingvogrupoj. Sub tiu kaj la altgermana tegmentoj la frisa lingvo disfalis en ĉ. dek dialektojn nur malfacile inter si kompreneblajn.

La referendumo de 1920 ebligis elekti nur inter daneco kaj germaneco. Sed jam tri jarojn post tiu evento reliefiĝis grupo kiu sin nomis "Friesisch-Schleswigscher Verein" (t.e. "Fris-Ŝlesvigia Asocio"). La nacia problemo ne jam tute trankviliĝis, kaj en 1928 organiziĝis granda frisa renkontiĝo ĉe la vilaĝo Bohmstedt, dum kiu granda plimulto de la frisaj reprezentantoj deklaris sin germanoj kaj frisecon nur parto de germaneco. Tiel daŭris ankaŭ post la Dua Mondmilito. La frisoj kiuj sentis sin ne reprezentitaj en Bohmstedt tre intime kunlaboris kun la dana minoritato, tiel ke la dana deputito en la ŝlesvigi-holstejna parlamento de Kiel same reprezentis ĉi tiun parton de la frisoj. La dana minoritato instalis eĉ tiel nomatan frisan lernejon en la municipo Risum-Lindholm, kie oni instruis la frisan tamen havante la danan kiel ĉeflingvon. Tiu intima kunlaboro faris tiun grupon, kiu daŭrigis la tradicion de la "Fris-Ŝlesvigia Asocio", en la okuloj de eksteruloj danoj. Oni parolis pri "danaj frisoj" kaj "germanaj frisoj", neniu parolis pri "frisaj frisoj", eĉ ne la frisoj mem! Sed nun oni evitas tiujn ĉi epitetojn, ĉar oni ĝuste taksas ilin diskriminaciaj kaj ege malutilaj. La asocio de la "danaj frisoj" pli akcentis la frisecon kaj sin nomis ek de 1948 frislingve "Foriining for nationale Frashe /nun: Friiske/" (t.e. "Asocio por naciaj frisoj"). Ĝi havas nun ĉ. 800 membrojn, kaj ĝia laŭstatuta celo estas "laboro por la libereco kaj la bonstato de la nordfrisa popolo /!/, prosperigo de la frisa lingvo kaj popola kulturo."

La alia grupo havas iom pli longan tradicion. Ĝi kolektiĝis jam en 19o2 en "Verein für Heimatkunde und Heimatliebe" (t.e. "Asocio por kono de kaj amo al la hejmregiono"), kiu nun havas ĉ. 5.ooo membrojn. Ĝiaj celoj estas "flegado de kono pri kaj amo al la hejmregiono Nordfrislando, la zorgado pri la interesoj de la frisa popolgrupo /Gravas ke ili intence neas la vorton "popolo" aŭ "nacio" kiu por ili rilatas al la germana./, flegado kaj konservado de la frisa lingvo parolata kaj skribata."

En 1949 fondiĝis "Verein Nordfriesisches Institut" (t.e. "Asocio Nordfrisa Instituto") kiu sukcesis instali "Nordfriisk Instituut" en 1965. Ĝin subtenas finance la ŝlesvigi-holstejna registaro kaj Danlando(!). La celo: prosperigado de precipe scienca kaj pedagogia laboro en Nordfrislando por la nordfrisaj lingvo kaj kulturo. Ĝi havas propran domon en la urbeto Bredstedt kaj daŭre pagas du lektorojn kaj tajpistinon. Oni sukcesis ebligi la laboron spite al la senĉesaj kvereloj inter la "Amantoj de la Hejmregiono" kaj la "Naciaj Frisoj". La instituto eldonas la plejparte germanlingvajn periodaĵojn "Nordfriesland" kaj "Nordfriesisches Jahrbuch", frislingvajn librojn kaj vortarojn, kolektas bibliotekon kaj subtenas laborojn por kaj pri Nordfrislando kaj ĝiaj lingvo kaj kulturo kaj provas, kun malrapide kreskanta sukceso, glatigi la ondojn de la interfrisa lukto. Unu el ĝiaj lektoroj ankaŭ instruas la frisan lingvon, interalie en la pedagogia altlernejo de Flensburg (plej granda urbo en la landoparto Ŝlesvigio, tamen ekster Nordfrislando). Pri la efiko de la praktika laboro de la instituto sur la pedagogia kampo oni ofte aŭdas plendojn, precipe de junaj aktivaj frisoj. La juna generacio, cetere, abomenas la interfrisajn kverelojn kiel restojn el malnovaj ne tro bonaj tempoj kaj malfermis novan fronton: kompreneble kontraŭ la "rigidaj lacaj mojon kaj povan havantaj avoj", sed neniu fronto tiel rigidiĝis ke iu ne plu parolus kun la alia diskute, dispute kaj ankaŭ amike. Ĉiuj nun iel scias pri komunaj interesoj; plej grandan malkonsenton oni havas pri la vojoj kaj pri la celo. Oni vere ne elĉerpas ĉiujn eblecojn kiujn oni disponas.

## BIIKENSUNG

• • • • •

Sam foon da troole üs wismååge wan,
dåt frasche än frasch foon maner wjart san.
Maning ål heet'r di spräke ferdörwen,
wat iirtids wus läämti, nü as et störwen.
Önjt hood foon da ålerne hi fååst ham seet,
önjt hood foon da schöljmäistre uk,
dåt hi jam da bjarne fersweege leet,
wat for jam seelew wus gödj än smuk.
Än nuch en trool gungt döör üs lönje,
mååget foole önjstööge ma sin hönje.

• • • • •

We wan da troole ferdriwe!
We driwe jam wäch än üt önj e junke.
Frasch wan we weese än bliwe!

(Teksto de Knut Kiesewetter kaj
Thams Jörgensen.)

La ĉi-supra ekzemplo de nordfrisa dialekto estas protesto kontraŭ la klopodoj sugestii al la frisoj malplivalorecon de ilia lingvo. La kantisto Kiesewetter riproĉas al la instruistoj kaj gepatroj ke ili prisilentas antaŭ siaj infanoj ke ili mem parolis la frisan.

Oficiala instruado de la frisa lingvo komenciĝis, post postulo de la frisa movado tuj post la referendumo de 192o, en 1921 dum renkontiĝo de la "Amantoj de la Hejmregiono". La prusa registaro faris dekreton kiu komenciĝis per jenaj vortoj: "Kun bedaŭro oni observas pli-kaj-plian malvastiĝon de la nordfrisa lingva teritorio. Ni volonte pretas transdoni al la lernejo en ĝia kadro parton de la laboro por haltigo de tiu ĉi malevoluo." Ĝi rekomendas uzi frisajn tekstojn kaj kantojn en kadro de la fakoj "germana lingvo", "kantado", "religia instruo" kaj "instruo pri la hejmregiono", kaj ĝi koncernis ĉefe la ĝeneralan lernejon. Oni komisiis frisajn instruistojn kiel "migrantajn instruistojn", kiuj iris de unu lernejo al la alia. En 1928, do samjare kiel la renkontiĝo en Bohmstedt, nova dekreto faris unu frisan instruhoron semajnan deviga, liberigis instruiston de ĉia lerneja laboro kaj kreis por li la postenon de "lingvo-flegisto". La intereso de la koncerna-

taj gepatroj estis ege malalta kaj la sukceso, precipe pro la malintereso de partoj de la frisa majoritato mem, nur estis prokrasto de la malkresko de la fris-parolantaro. De 1933 (komenco de la nazia regado) la laboro kadukiĝis kaj mortis; ĉio restis en la manoj de privataj iniciatoj, ĉefe de kelkaj idealistaj elementlernejaj instruistoj.

Eble direndas kial la prusoj regis en tiu fora de Berlino landopeco: La prusoj partoprenis, kiam la enloĝantoj de Holstejno kaj parto de la homoj en Ŝlesvigio faris liberigan/disigan ribelon kontraŭ Danlando en 1848-52 kaj 1862-64. Post tiu milito, kiun ankaŭ Aŭstrio partoprenis, tiu ĉi kaj Prusio administris Ŝlesvigion-Holstejnon inkluzive la parton de Ŝlesvigio kie la popolo plejparte parolis la danan lingvon kaj nur tre malverve partoprenis la ribelon kaj kie la plimulto estis sur la dana flanko, eĉ aktive batalante. Post venko de Prusio kontraŭ Aŭstrio en 1866, la prusoj transprenis la tuton kaj faris ĝin parto de Prusio. La norda zono revenis al Danlando sekve de la ofte tiel nomata "nacia voĉdono" en 192o.

La frisa lingvo ne estis prestiĝa kaj ne necesa por la praktika vivo ekster la malgranda unuo de la koncernata vilaĝo. La disfalo en plurajn dialektojn helpata de supera germana lingvo kaj siavice postulanta superregionan lingvon tre malmultigis la uzon kaj la komunikan valoron de la frisa lingvo. Plej multaj enloĝantoj jam delonge scipovis la germanan, la lingvon de la preĝejo kaj de la lernejo. Eĉ la platgermana, kiu siavice devis cedi al la altgermana, gajnis terenon je kosto de la frisa, ĝin oni uzis ĉie en la farmistaj regionoj de tiu agrikultura lando Ŝlesvigio-Holstejno, sur foiroj kaj dum renkontiĝoj. La homoj en nia regiono ofte estis veraj poliglotoj: Ili parolis danan dialekton, frisan dialekton, platgermane, altgermane kaj eĉ la danan altlingvon!

Hodiaŭ la plimulto de la frisdevenaj popolanoj de Nordfrislando ne plu scipovas la frisan lingvon. De la ĉ. 165.ooo enloĝantoj de tiu distrikto proksimume 65.ooo estas frisdevenaj, el kiuj maksimume 1o.ooo parolas unu el la frisaj dialektoj. Tamen, ĉiam kelkaj idealistoj tenis la flagon, ofte tiuj estis nefrisoj, kiuj interesiĝis pri tiu regiono kaj ĝia popolo. Privataj mecenoj kaj frisaj idealistoj kolektis lingvan materialon, produktis vortarojn kaj tekstojn. De la fino de la 18-a jarcento komenciĝis la produktado de frisa literaturo. Mejloŝtono estis la teatraĵo "Di Söl'ring Pir'rersdei" de Jap Peter Hansen, friso de la insulo Sylt. Ĝi estas rebrilo de la fora franca inspirinto Molière, kiu cetere instigis la fondinton de la dana scenejo, Ludvig Holberg. La teatraĵo de J.P.Hansen tamen ne estas imitaĵo, sed propra kreitaĵo. Oni presis ĝin en 18o9 sub la germana titolo "Der Geitzhals auf der Insel Silt. Ein Schauspiel in 4 Aufzügen." (t.e. "La avarulo sur la insulo Sylt. Dramo en 4 aktoj.") kaj eldonis ĝin en Flensburg. La frisa titolo aludas tre malnovan kutimon de granda fajro la 2o-an de februaro kaj posta festeno. La kristanoj, ne povinte ĝin elradikigi, uzis kristanan festotagon kaj nomis ĝin laŭ la apostolo Petro (21-a de februaro). Tiu tradicio sur la insulo Sylt seninterrompe daŭras ĝis nun. Tiu festo havas simbolan signifon kaj junaj frisoj revigligis ĝin ankaŭ sur la kontinento.

La nova vento de regionismo ankaŭ en Norda Frislando plibonigis la situacion por la frisa lingvo. La "Nordfriisk Instituut" estis unu paŝo; sekvis libervola instruado en lernejoj ie kaj tie; la pedagogia altlernejo en Flensburg kaj la universitato en Kiel ebligis libervolajn kursojn; intertempe la frisa lingvo fariĝis ekzamen-fako en la universitato, kaj ĉi-jare la "Frisa Vortaro", apendico de la Norda Instituto de la universitato de Kiel, fariĝis memstara Frisa Instituto kun propra katedrulo (hontige por la frisoj ke oni nur trovis kompetentan ..... svedon!). En la gimnazio sur la insulo Föhr oni instruas du horojn semajne en la 6-a klaso (12-jaruloj) kaj same en la supera sektoro (lernojaroj 11 - 13). Sur la insulo Sylt oni instruas la frisan en la elementa lernejo po du horojn semajne en la klasoj 3 kaj 4 (9- kaj 1o-jaruloj) de la municipoj Keitum, Morsum kaj Tinnum, po du horojn en la 3-a klaso en Wenningstedt. Rimarkinde estas ke la tutaj klasoj partoprenas kaj ke tiu iniciato ebligis ne malaltgrade

pro la favora sinteno de nefrisaj gepatroj, kiuj normale estas en plimulto. Sur la insulo Föhr oni instruas, aldone al la horoj en la gimnazio, unu horon semajne en tria klaso de elementa lernejo. La dana minoritata lernejo en Risum instruas po du horojn semajne en la klasoj tri ĝis naŭ. Sama intenco en la publika lernejo de Risum-Lindholm fiaskis pro la kontraŭa sinteno de la gepatroj. Friseco ĉiam estis pli prestiĝa sur la insuloj. Eble ankaŭ la kombino de friseco-daneco en la minoritata lernejo malhelpis. Eble nur la pli koservemaj farmistaj regionoj ne jam rimarkis la freŝan aeron kiu jam atingis la insulojn pli malfermitajn kaj progresemajn pro la tute alia ekonomia strukturo: Ili vivas ĉefe de turismo.

Tikla, tamen, estas la demando de la stato kiel minoritato por la frisoj. Spite al la favora konstitucio de Ŝlesvigio-Holstejno ekzistas grandaj obstakloj kontraŭ tia solvo. Unu estas la indiferento de la frisoj mem, alia estas resto de la nacia lukto inter daneco kaj germaneco, kiu por la veraj koncernatoj jam sufiĉe bone solviĝis. Kelkaj grupiĝoj kaj ankaŭ la registaro de Ŝlesvigio-Holstejno ne tro ŝatas la ideon de samrajta frisa minoritato aldone al la dana. Pensiga estas la fakto ke la registaro jam de kelkaj jaroj, spite al la okzinta inflacio, neas la altigon de la financa subteno por "Nordfriisk Instituut" en Bredstedt. La plej granda parto de ĝia buĝeto estas salajroj kiuj ĉiujare plialtiĝas. La registara sinteno ĉi-rilata ege endanĝerigas la pluekziston de la instituto, kies lektoroj eĉ rezignis pri parto de la salajro. Subskribo-kampanjo kaj privata oferemo savis la instituton, sed tiu danĝero minacas ĉiun jaron, ĉar la reganta Kristandemokrata Unio (konservema) per sia unuseĝa plimulto rifuzas la iniciaton de la dan-minoritata deputito subtenata de la socialdemokratoj kaj liberaluloj. Subpremitaj emocioj sentiĝas kaj kelkfoje ekflamas, normale nur dispute.

La problemo de unuecigo de la dialektoj kaj de la skribsistemo, ege necesa por ke la frisoj povu plene kaj libere interkomunikiĝi en la frisa, kondukas al emoci-gvidataj kaj rigidaj starpunktoj. Tiu fakto ankaŭ ege malfaciligas la eldonadon de libroj. Dum renkontiĝoj kaj kongresoj oni kutime uzas la ..... germanan! Sed ankaŭ ĉi-punkte ioma progreso: En kongreso pri problemoj de la frisa lingvo kaj ĝia instruado (printempe de 1978) la frisa lingvo estis samrajta kongreslingvo, kaj la afero multe pli bone funkciis ol la frisoj mem estis atendintaj. Akra estas ankaŭ la premo kiun la instituto sentas fare de la pli granda frisa asocio, kiam ties reprezentantoj suspektas ke oni volas aktivigi minoritatan politikon. Nura minaco pri eksmembriĝo de tiu asocio endanĝerigas la Nordfrisan Instituton. Ĝuste tiun politikon ĵus aplikis la koncernata asocio por ŝanĝi la statuton. Tiun politikon ŝatas la registaro: "jes" al amo de la hejmregiono, "ne" al minoritatismo. La frisoj neniam estis facilaj subuloj kaj same malfacilaj inter-si-traktantoj. Kien iras la afero? Multo dependas de la frisoj mem.

DIRK WILLKOMMEN

---------------

Rimarkigoj de la redakcio:

(1) Fakte, necesas demandi sin ĉi-loke ĉu ne devus teksti " t r i " etnaj minoritatoj, ĉar krom la danoj kaj frisoj ekzistas la multe pli granda nombro de platdiĉoj, aŭ laŭ Dirk Willkommen: platgermanoj, kies lingvo estas en tre simila situacio aŭ en eĉ malpli bona.

(2) La frisa lingvo-teritorio inkluzivas ankaŭ la insulon Helgolando situantan proksimume 150 km nordokcidente de Hamburgo en la Norda Maro; Helgolando, ne indikita en la maposkizo de paĝo 1, ne apartenas al la distrikto Norda Frislando, sed al tiu de Pinneberg, tamen parto de Ŝlesvigio-Holstejno.

* * * * * * * * * * *

# INSTITUTO DIAGNOZAS: NE MINACATA !

La FRG-sekretario de la ASOCIO INTERNACIA POR LA DEFENDO DE LA MINACATAJ LINGVOJ KAJ KULTUROJ ( AIDMLK ) serĉante kongres-lokon por tiu ĉi asocio turnis sin ankaŭ al la Instituto por la Platdiĉa Lingvo ( IPL ) en Bremeno. La reago estis rapida, sed negativa, kaj estas interese vidi la argumentadon, kiu bazas sin sur indikoj jam faritaj en antaŭa korespondaĵo kaj en la lasta letero:

> La platdiĉa estas parolata de kelkaj milionoj da homoj, t.e. de pli 5o % de la enloĝantaro de norda FRG; ĝi estas menciata en diversaj lernejaj instruplanoj kiel eventuala studobjekto; la platdiĉa estas permesita sur municipa, regiona kaj tutŝtata niveloj kaj estas jen kaj jen parolata en la parlamentoj; la registaroj disponebligas financajn rimedojn por la aktivecoj de institucioj, teatraj grupoj k.s.; la platdiĉa okupas konvenan lokon en radio kaj gazetaro, kun plurhora platdiĉa programo kaj 3oo ĝis 4oo presitaj artikoloj monate pri respektive en la platdiĉa.
>
> Konsekvence la platdiĉa NE povas konsiderati MINACATA lingvo kaj IPL ne povas engaĝiĝi kulturpolitike, ĉar tia aktiveco ne trovus pozitivan eĥon en la popolo, kies socilingva situacio esence diverĝas de tiu de aliaj regionoj.

Supozeble IPL tre ekzakte spegulas la ĝeneralan sintenon de la platdiĉoj, inter kiuj oni povas ofte aŭdi ke ili ne estas aparta etno kontraste al la germanoj (komparu ETNISMO-n 5/1o.12.73, p. 12). Nu, IPL apenaŭ sukcesus diference starpunkti, en la senco de konsciigo de la homamasoj, ĉar tutsimple tiu ĉi instituto finance dependas de la subvencioj pagataj de la registaroj de la nordaj FRG-ŝtatoj, en kiuj oni parolas, almenaŭ parte, la platdiĉan. Tamen, ni aŭdacu ekzameneti la supre menciitajn argumentojn:

> Aliaj ŝtato-nivele minoritataj lingvoj kompareblaj al la platdiĉa, ekzemple la kataluna, la slovena, la piemonta, la okcitana, la galega kaj la bretona, estas same parolataj de pli ol 5o % de la koncernataj regionanoj; iuj same aperas en la instru-planoj, estas permesitaj kiel oficialaj lingvoj diversnivele, estas uzataj radie, gazetare kaj eĉ televide, kaj iuj ŝtataj instancoj eĉ subvenciojn donas pli-malpli abunde kaj regule. Sed ĉio ĉi neniel povas signifi ke tiuj ĉi lingvoj ne estus tre konkrete minacataj! (Ni plenintence ne listigis la "evidentajn" kazojn de la eŭskera, francia nederlanda, aŭstria kroata, italia albana, italia greka, italia kataluna ktp.!) La platdiĉa - kiel la aliaj - estas, pozitivakaze, t o l e r a t a, sed ne aktive protektata, subtenata, pliviglig ata, kaj la registaroj faras nenion por konvinki la homojn - tiujn kiuj ja parolas la platdiĉan kaj la aliajn kiuj ne parolas ĝin - pri la banala fakto ke la origina lingvo de la regiono, la platdiĉa, estas samvalora esprimilo kiel la altagrade artefarita norm-germana importita jam antaŭ multaj jarcentoj. Ĉu sanec-politiko konsistas el tio ke malsanulon oni ne mortigas, sed lasi lin vegeti por nature morti? La platdiĉa, jes ja, estas "malsana", ĉar antaŭ jarcentoj oni komencis malestimi, ŝajnsenvalorigi kaj engetigi ĝin: Rezulte ĝi malhavas la moderne necesan terminaron, kaj oni apenaŭ trovas nefikcian aŭ eĉ sciencan tekston en la platdiĉa. Kion signifas 3oo aŭ 4oo ĉiumonataj artikoloj, precipe PRI tiu ĉi lingvo? Lerneje la platdiĉa aperetas preskaŭ nur kiel HELPLINGVO por pli facile enkapigi al la etuloj la nelogikaĵojn de la germana norm-lingvo.

Ĉu ne konvenus, se IPL estus pli skeptika, pli kritikema por klarvidi la situacion de tiu lingvo kiun ĝi studas?

* * * * * * * * * * * *



**SCHLESWIG-HOLSTEINISCHER LANDTAG**
8. Wahlperiode

Drucksache **8/1533**
25. 09. 78

# LA PLATDIĈA EN LA PARLAMENTO

## Antrag

der Fraktion der SPD

Niederdeutsches Sprachgut

La socialdemokrata frakcio en la ŝlesvigi-holstejna parlamento de Kiel prezentis la ĉi-apude represitan proponon skribitan en la platdiĉa. La registaro estas petita fari multe pli ol ĝis nun favore al la platdiĉa en la tuta instrusistemo, en radio kaj televido, en libertempado, en teatro kaj aliloke. En la ok detaligaj punktoj la frakcio postulas enketi kio estas kaj povos esti farata koncerne la menciitajn punktojn kaj interalie oni eksplicite sugestas firmajn subvenciojn por la Instituto por la Platdiĉa Lingvo (kies sidejo estas en Bremeno) kaj pli intensajn kontaktojn inter la registaro kaj la diversaj platdiĉistaj asocioj.

Der Landtag wolle beschließen:

De Landesregeerung sall weeten, dat se upfellert ward, mehr, veel mehr to doon för dat Plattdüütsche. Wi meent dormit: dat Plattdüütsche in de School un up de Hochschool, dat Plattdüütsche in Funk un Fernsehn un dat Plattdüütsche na Fierabend in'n Vereen, in'n Gesangvereen, up de Bühn un Speeldeel un annerswo. Dor sall ünnersöcht warrn, wat doon ward un wo mehr doon warrn kunn:

To'n eersten: wo dat mit dat Plattdüütsche in de School steiht, sünnerlich in dat Fach Düütsch,

To'n tweeten: Wat in de Pädagogischen Hochschoolen un in de Universität in de Lehrerutbildung un in de Forschung passeert,

To'n drüden: dat dat Plattdüütsche mehr Platz kriegen kann in Funk un Fernsehn,

To'n veerten: dat de plattdüütsche Vereene, Gesangvereene, Bühnen un Speeldeelen mehr as betherto ünner de Arms greepen warrn kann,

To'n föften: dat de Volkshochschoolen, wo de Kurse för Plattdüütsch ümmer mehr nafraagt ward, holpen warrn kann,

To'n sössten: woans de Schriewerslüüd holpen warrn kann, dat ehr Geschichten un Gedichten druckt ward,

To'n söwten: dat dat „Institut für niederdeutsche Sprache" in Bremen 'n fasten Verdrag kriegen kann,

To'n achten: dat de Kontakt twüschen de Regeerung un de „Klaus-Groth-Gesellschaft", de „Fritz-Reuter-Gesellschaft", den „Eutiner Dichterkreis", den „Quickborn", de „Bevensen Tagung" un de plattdüütsch Gilln intensiveert warrn kann.

La frakcia vicestro kaj ĉefsubskribinto de la propono, Heinz LUND, la 10-an de oktobro parole donis la argumentadon por tiu ĉi propono en la platdiĉa! La deputito rakontis epizodeton kiu montras la vivantecon de la platdiĉa en (certaj partoj de) la popolo: Demandinte vilaĝaninon pri la vojo en la norm-germana, li ricevis respondon en plej pura platdiĉa!

Lund
und Fraktion

Lund speciale, fine de sia pledo, atentigis pri la ekzisto de kvar lingvoj en Ŝlesvigio-Holstejno kaj esprimis la opinion ke estus bone se la registaro pli zorgus pri la f r i s a kultura trezoro.

Lund informis nin ke en la distrikto Dithmarschen (tuj sude de Norda Frislando) la platdiĉa lingvo estas deklarita kiel oficiala lingvo, krom la norm-germana, kaj ke diversloke okazis ke la partioj utiligis tiun lingvon - ankaŭ skribe - en la kampanjoj por parlamentaj elektoj.

* * * * * * * * * * *

# KONCIZE EL.....

LUKSEMBURGO. La 26-a kongreso de la Federacia Unio de Eŭropaj Etnaj Minoritatoj (FUEEM) okazis de la 6-a ĝis la 8-a de oktobro 1978 en la ĉefurbo de Luksemburgio. Kial? Pro la Eŭropaj institucioj tie sidejantaj (sed neniel videblaj kiel kongresanoj aŭ observantoj) kaj pro la tuj apuda problemregiono de Arel/Arlon (ĉefurbeto de la belga provinco Luksemburgio!), kie germana/leceburga minoritato luktas pro agnoskiĝo kaj sekvaj rajtoj. En nekonvena hotelsaloneto kunsidis 60 ĝis 70 ne tre junaj anoj/delegitoj de okcidentaj kaj nordaj frisoj, danoj kaj germanoj el Ŝlesvigio, slovenoj kaj kroatoj el Aŭstrio, friulanoj, bretonoj, sudet-germanoj (!), sudtirolaj germanoj, leceburganoj de Arel, germanoj de Eupen/St. Vith, italiaj slovenoj, kosovaj albanoj, rumaniaj madjaroj kaj krome observantoj de TEJO (Claude Nourmont-Moon) kaj de AIDMLK (Texier, Robet, Moritz). Dum la proponitaj rezolucioj pri Arel kaj Bretonio (enkarcerigitoj, eŭropaj elektoj kaj instruado) pasis unuanime, post komisioneta diskuto, la bretona propono pri rezolucio kontraŭ nuklea centralo estis resendita al la estraro kaj leviĝis akra diskuto koncerne la rezoluciproponon de la kosovaj albanoj (venintaj el Usono), kiujn juna burgenlanda kroato kaj karintia sloveno verve kritikis. Tiuj ĉi demandis ĉu la menciitaj en la projekto faktoj estas veraj, kaj ili riproĉis al la kosovanoj ke ili perdis la ligitecon kun la albana realo en Jugoslavio. Tamen la rezolucio estis akceptita per 65 kontraŭ 19 voĉoj. - La programo enhavis prelegetojn pri la eŭropa integriĝo kaj etnaj minoritatoj, pri la federaciigo de Belgio kaj pri la situacio de Rumanio, krome koruskantadon, akcepton en la urbodomoj de Luksemburgo kaj Arel.

FLENSBURGO. La sola dana deputito en la parlamento de Ŝlesvigio-Holstejno, Karl Otto MEYER (Sudŝlesvigia Elektantaro), estas provizore kontenta pri la antaŭvidebla plialtigo de la subvencioj ŝtataj por la dana lernejaro en ŜH: Ek de 1979 la registaro pretas doni 85 anstataŭ ĝis nun 80 procentoj de la kostoj (inkluzive veturkostojn). La dana parlamentano anoncis ke, kompreneble, la celo estas 100-procenta subvencio, kiun li postulos por 1980, kiam liaimage la registaro devos doni subvenciojn same por la konstruado de danaj privataj lernejoj kiel oni jam faras kaze de germanaj privataj lernejoj. Tiukuntekste interesas konstati ke dum la pasintaj 10 jaroj la nombro de frekventantoj de danaj lernejoj kreskis de 4.137 ĝis 6.230!

BREMENO. La 16-an de junio 1978 la radiostacio de tiu ĉi urbo-ŝtato festis apartan jubileon: La 100-an fojon oni elradiis INFORMOJN EN LA PLATDIĈA LINGVO. Post la unua elsendo, la 19-an de julio 1977, alvenis eksterordinare multegaj pozitivaj reagoj de aŭskultantoj ĉe la redakcio. La platdiĉaj informoj estas sendataj ĉiun mardon kaj vendredon laŭ traduko de la du sciencaj estroj de la Instituto por la Platdiĉa Lingvo, d-roj Lindow kaj Schuppenhauer, kiuj devas multe klopodi por modernigi la platdiĉan. Jam universitatanoj en Tübingen kaj Göttingen studas tiun radio-platdiĉan lingvaĵon.

NAVARO. La 25-an de aŭgusto 1978 mortis, pro koro-halto, en Irache, la deputito Juan Ajuriaguerra, Vaska Nacia Partio. Li estis malbatalanto de VNP, jam antaŭ la intercivitana milito hispana, kaj la frankista justico kondamnis lin je morto, kiun anstataŭis sesjara mallibereco. Jam tiumomente li rekonstruis la sekretan VNP-reton en Eŭskadio. La madrida liberala ĵurnalo komentis dirante ke lia lasta granda lukto politika estis tiu pri la prezidanteco en la Vaska Ĝenerala Konsilio, pri kio ETNISMO raportis en n-ro 18. Ajuriaguerra ricevis tiun numeron kaj la 14-an de aprilo 1978 persone skribis al ni dankante pro la artikolo.



(Daŭrigo en paĝo 26.)




Pere Pi-Sunyer, konsilisto pri kulturo en la "Generalitat" de Katalunio, alparolas la kongresanojn (1); apudas: (2) Joan Triadú, la nova AIDMLK-prezidanto, (3) I. Ch. Vanly, vicprezidanto, (4) B. Pahor, vicprezidanto, (5) J. Pou Vidal, LKK-estro, (6) Ramon Aramon, elstara membro de la Instituto por Katalunaj Studoj.
(Foto: Robert / AVUI)

# RENOVIĜO EL LA KAOSO: AIDMLK EN BARCELONO

Supozeble iuj organoj trovos denove triumfajn adjektivojn por riveli al la mondo la gravecon de la 7-a kongreso de la Asocio Internacia por la Defendo de la Minacataj Lingvoj kaj Kulturoj (AIDMLK). Nu, observantoj de internacilingvaj kaj minoritatlingvaj kunvenoj jam iom prudentas kaj subtrahas kutime plurajn dekojn da procentoj de tiu "graveco" por proksimiĝi al la realo. Simile ni provas fari.

La 7-a AIDMLK-kongreso okazis inter la 22-a kaj 25-a de julio 1978 en la kongres-palaco de Barcelono en ĉeesto de eventuale 2oo personoj, inter kiuj estis ankaŭ anoj kaj delegitoj de la kalabriaj grekoj, molizaj kroatoj, karintiaj kaj triestaj slovenoj, piemontanoj, nordaj kaj sudaj vaskoj, platdiĉoj, valonoj, ciganoj, meksikiaj indiĝenoj, bretonoj, okcitanoj, kurdoj, venecianoj, aragonanoj kaj krome membroj el Usono, FR Germanio, Francio, Aŭstrio k.a.; la plej granda nombro estis evidente katalunoj, nordaj kaj sudaj. Universala Esperanto-Asocio estis reprezentata fare de pastro M. Casanoves de Barcelono.

La organiza komitato estis multege klopodinta por faciligi la laborojn de la kongreso (kongres-teketoj, papero, skribilo, nominsignoj, glu-insignoj, samtempa tradukado fare de pagataj fakuloj kaj "helpe" de ofte difektitaj parolililoj-aŭskultiloj) kaj por atentigi la eksterkongresan publikon pri la kunveno (grandega frapa afiŝo antaŭ la kongresejo). Per tio ĉi jam preskaŭ finiĝas la raporto pri pozitivaĵoj!

La inaŭguro, kun ĉeesto de urba skabeno, kultur-aktivuloj kaj la urbestro de Algero (la kataluna urbeto de Sardio, Italio), glate pasis ĝis la tiama ĝenerala sekretario de AIDMLK, Jordi Costa i Roca, komencis, antaŭ

okuloj kaj oreloj de la eksterasociaj gastoj, prezenti la agadraporton: La ĝenerala sekretario ekspedis la rezoluciojn de la kongreso de 1976, instigis aliajn asocianojn protesti kontraŭ diskriminacioj en Triesto, Sappada/Spaden, Piemonto kaj Oregono (Usono) kaj mem intervenis en tiuj ĉi aferoj kaj tiu de vaska lernejo en Francio; krome li serĉis kongresurbon por 1978, organizis estrarkunvenon en Liono kaj plenumis aliajn minimumaĵojn. Ĉu tiu agado respondas al la pretendo de AIDMLK esti grava universala parolilo de etnaj minoritatoj?

La laborkunsidoj de la kongreso estis altagrade kaosaj: Ilin prezidis bonkorulo nomita de LKK aŭ de la ĝenerala sekretario, ĉiukaze ne elektita de la kongresanaro kaj - plej grave - ne konata al la ĉeestantoj, escepte de kelkaj katalunoj. En la laborkunsidoj oni neniel diferencigis inter membroj de la asocio kaj interesataj vizitantoj, tiel ke diversaj voĉdonoj rigore devus esti konsiderataj nevalidaj. La plej elstara karakterizaĵo de tiuj laborkunsidoj estis la diktatoreca gvidado fare de tiu menciita sesi-prezidanto kaj fare de la ĝenerala sekretario, kiu sidis tuj apud la salon-mikrofono kaj konstante kiel unua prenis ("petis") la parolrajton. Ĉar ne eblas referi ĉiujn facetojn de tiuj laborkunsidoj, ni limigas nin al selektitaj: Kiam, el la publiko, venis la sugesto ke oni formu komisionon por studeti la lernejan situacion en diversaj minoritataj regionoj, la ĝenerala sekretario rifuzis la proponon dirante ke AIDMLK ne estas specialiĝinta asocio pri instruaj problemoj. Kiam laŭtiĝis ke kvar germanaj gejunuloj estis, en privata konversacio, aludintaj la eventualan pozitivecon de la sudafrika apartismo-politiko, la ĝenerala sekretario, sen kia ajn esploro kaj demagogece, postulis la elĵeton de tiuj gejunuloj (kio ne okazis, ĉar la esploroj faritaj de komisiono ne povis montri la faktecon de rasismaj aŭ similaj eldiroj). Kiam, laŭstatute la ĝenerala asembleo de la asocio devis elekti la membrojn de la federacia konsilantaro (kiu elektas el siaj vicoj la estraron), jen la ĝenerala sekretario - sola! - proponadis sian liston, sen interkonsilinti kun la antaŭa estraro kaj malestime komentis la proponon ke membriĝu katalunino ... kritike interveninta plurfoje dum la kongreso. Ĉiujn kandidatojn la ĝenerala sekretario "elektigis" aplaŭde ĝis antaŭ la proponita Llibert PUIG I GANDIA. Pri tiu ĉi la ĝenerala sekretario volis nombreblan voĉdonon. Kial? Ĉar jam komence de la kongreso Puig estis provokinta la moŝtan sekretarion per la mencio pozitiva de la Internacia Lingvo! Nu, la kongresanoj estis intertempe tiom konsciiĝintaj pri la fimanipulaĵoj de Costa i Roca ke ekestis forta protesto, teknika krizo kaj interrompo de la kunsido. Poste Puig elektiĝis kiel la aliaj kandidatoj. - La federacia konsilantaro, sub la lerta gvido de la Teritoria Sekretario de AIDMLK en Hispanio, Heribert BARRERA I COSTA, deputito en la hispana parlamento, elektis la novan estraron:

<u>Prezidanto:</u> Joan TRIADÚ (instruisto kaj verkisto), Barcelono;
<u>Vicprezidantoj:</u> Ismet Cheriff VANLY, kurdo, Lausanne;
Boris PAHOR, Triesto;
Eugène GOYENECHE, Ustaritz;
Jordi COSTA I ROCA, Perpignan;
<u>Ĝenerala Sekretario:</u> Marcel TEXIER (instruisto, bretono) Maurepas;
<u>Adjunktaj Ĝeneralaj Sekretarioj:</u> Tavo BURAT, Biella;
Uwe Joachim MORITZ, Stolberg;
Theodor VEITER, Feldkirch;
<u>Trezoristo:</u> Jacques DEPREZ, Saint-Louis;

kaj 13 Teritoriaj Sekretarioj.

La kongresanaro vizitis la elstaran katalunisman centron Montserrat, tie aŭdis interesan prelegon, estis akceptita, laŭ la kutimaj ritoj, en la urbodomo de Barcelono kaj en la "Generalitat", vidis belegan prezenton de folklora baledo, sed apenaŭ spertis la renaskiĝon de aŭtonoma Katalunio. La antaŭe plurfoje anoncita studvojaĝo al Vaskio simple ne okazis.

Ĉu valoris kongresi? Jes ja, por propraokule vidi kio ŝanĝendas en AIDMLK!

* * * * * * * * * * * *

# EŬSKADIO
## INTERVJUOJ PRI POLITIKO KAJ LINGVO



Juan María BANDRES MOLET, senatano, elektita kiel kandidato de la koalicio "Euskadiko Ezkerra" ("La maldekstro de Eŭskadio"), membro de la Vaska Ĝenerala Konsilio, intervjuata de ETNISMO.

Tiu ĉi informilo sufiĉe ofte mencias Eŭskadion, la landon de la vaskoj. Tamen, la tute persona inklino de la redaktoro ne estas la ĉefmotivo, sed la senĉesa konflikto inter vaskoj kaj "la aliaj" necesigas reparoladi pri tiu ĉi regiono.

La 8-an de julio 1978, do la duan tagon de la normale unusemajna "Sanfermines"-festo de Irunjo (Pamplono, Navaro), la grizuniforma sturmopolico enkuris la taŭro-arenon pafante, vundis multegajn ĉeestantojn kaj mortigis unu. Kelkajn tagojn poste, protestante kontraŭ la senresponsa agado de la polico en Irunjo, manifestantoj en Donostio (Sansebastiano) konfrontiĝis kun la tiuloka grizularo, kiu blinde pafis en la senarmilan ularon kaj denove mortigis junan viron. Pli-malpli tuta Eŭskadio fajris pro indigno kaj furiozo pro tiuj krimoj de ŝtata organo. Plurloke ekestis barikadoj enurbe kaj en interurbaj ĉefstratoj. La grizularo ankoraŭ ne civiliziĝis: Vokite por helpi la ordinaran verdan policon forigi barikadojn en la gipuska industri-urbo Errenderia/Rentería, la grizuloj invadis la jam komplete trankviliĝintan urbon, detruadis montrofenestrojn, rabis varojn el vendejoj kaj ekskrementis en koridoroj! Ĉu sufiĉas transloki tiun taĉmenton en alian regionon kaj anstataŭigi la komandantojn de la irunja kaj donostia grizularo kaj la guberniestron de Navaro? Ne, sed oni ne atendu plion de la hispana registaro: La ministro pri internaj aferoj, Rodolfo Martín Villa, en baldaŭ posta televida intervjuo resumis tre trafe la vidpunkton de la Suárez-anoj dirante ke "ni faris erarajn paŝojn /= mortigo de du ne-armitaj manifestantoj kaj ŝtata elrabado de urbocentro/, sed tio kion faras la aliaj /= la sekreta vaska organizo E.T.A., kiu ĵus ja mortigis multajn policistojn kaj aliajn/ estas krimoj! Martín Villa ŝovis la kulpon al la historio, ĉefe de la pasintaj 40 jaroj, esceptante tamen sin mem kaj siajn registarajn kolegojn ....

Ni jam antaŭe estis petintaj al Juan María Bandrés Molet pri intervjuo, kiun ni sukcesis realigi ĵaŭdon, la 27-an de julio 1978, en lia oficejo de la Vaska Ĝenerala Konsilio (VĜK) en Donostio kaj kiun ni publikigas en resuma traduko (ĝi daŭris preskaŭ horon) en la sekvanta paĝo.

# BANDRES: VASKA NACIA IDENTECO!

ETNISMO: Kiuj estas, tri jarojn post la morto de Franko, la plej gravaj problemoj de Hispanio ĝenerale kaj de Eŭskadio speciale?

BANDRES: Vidu, fakte ne eblas starigi katalogon de ĉiuj grandaj problemoj. Mi dirus ke unuflanke ekzistas la ekonomia problemo, kiu ne estas specifa de nia ŝtato, sed ĝi koncernas tutan okcidentan Eŭropon kaj neeviteble ĝi estas tre peza por ni. La grado de senlaboreco estas multe pli alta ol indikas la oficialaj nombroj kiuj konsideras nur tiujn kiuj ricevas subvencion. La ekonomia situacio pliakrigas la nesolvitajn politikajn problemojn. - Poste, mi dirus ke la plej grava problemo nuntempa de Hispanio estas la enradikiĝo de la demokratio. Ĉar oni ne forgesu ke post la morto de la diktatoro Franko NE okazas revolucia procezo de puriĝo kaj ke tiuj tavoloj kiuj misuzadis la potencon dum la frankismo ankoraŭ agas netuŝite, kelkaj homoj el ili okupas tre gravajn postenojn kaj iuj eĉ pli gravajn ol antaŭe. Oni ne forgesu ke la registaro mem - kiu nedubeble havas certan demokratigan volon kaj kiu celas homologiĝi al la eŭropaj ŝtatoj - tamen estas rekta heredanto de la frankismo: Pluraj ministroj kaj la ĉefministro mem havis gravajn publikajn funkciojn en la frankismo kaj, do, estas personoj kun nur relativa kredindeco. La faktaj potencoj en la hodiaŭa socio estas la polico kaj la armeo, ĉar la eklezio perdis sian regemon kaj ne plu estas danĝero, kaj same la grandkapitalo estas atendanta, ĝi preferas stabilan situacion por profitigi sian kapitalon. Do, polico kaj armeo kiel restoj de la frankismo estas certa danĝero, kvankam mi ne opinias probabla puĉon laŭ la modelo de Ĉilio aŭ de aliaj sudamerikaj ŝtatoj. - El la vidpunkto de Eŭskadio tio ĉi estas, logike, propra problemo, kvankam nia ĉefa punkto estas la aŭtentika regajno de nia nacia identeco. Malgraŭ la ne absolute demokratiaj elektoj de la 15-a de junio 1977, realigitaj kun partioj apenaŭ forlasintaj la sekretecon kaj kun antaŭaj psikaj premoj, en Eŭskadio inter 75 kaj 80 procentoj de la elektintoj voĉdonis por partioj kiuj pledas por pli-malpli ampleksa aŭtonomeco aŭ eĉ sendependeco de Eŭskadio. Temas pri tio ke tiu volo havu respondon en jura formo, t.e. en la diskutata konstitucio. Ĝis nun la antaŭvid ta grado de memregado ne sufiĉas. Ĉio dependas de tiu punkto, ekzemple la daŭra ĉeesto de la centraj fortoj de publika ordo. Se ni havus veran memregadon, tio signifas proprajn parlamenton, registaron kaj justicon, kompreneble en certaj limoj, nature ekzistus aŭtoktona polico kaj ni ne havus la problemon de tiuj centraj fortoj de publika ordo.

ETNISMO: Kaŭzas iel strangan senton eniri tiun ĉi domon kaj konfrontiĝi kun policisto de la centraj fortoj, kontraŭe al Katalunio kie almenaŭ antaŭ la palaco de la "Generalitat" deĵoras policistoj vestitaj per alia, tradicia uniformo.

BANDRES: Jen afero kiu kaŭzis al ni certajn kapdolorojn, ĉar tiu ĉi domo estas facile vundebla, kaj la ekstrema dekstro nin minacas konstante. Mi delonge ricevadas insultajn kaj minacajn leterojn. Krome necesas protekti la oficistaron de la VĜK. Kvankam ni multe hezitis, ni tamen petis la policon protekti nin. Jes ja, mi samopinias kiel vi ke estas paradokse trovi ĉi tie paron da policistoj kun mitraletoj, dum mi mem kampanjas per la slogano "Ke ili foriru!" celante precize tiujn policajn fortojn. Do, la unua tasko de almenaŭ provinca polico povus esti protekti la domon de la VĜK.

ETNISMO: Nu, interesus nin via opinio koncerne la evolu-eblecojn de la aŭtonomeco aŭ, ni diru, de la antaŭaŭtonomeco. Ĉu vi vidas la eblecon iam atingi federacian strukturon de la hispana ŝtato?

BANDRES: La aktuala konstituci-projekto eksplicite ekskluzivas la federacian strukturon, kiu estas malnova revo de la respublikanoj kaj kiu produktis tiel bonajn rezultojn en landoj kiel la via, en Svislando aŭ Usono. Sed ĉi tie ekzistas oficiala dogmo, neniel portata de la popolo, de ŝtata unueco, unueco artefarita kaj senbaza en la sociologia realo. Ni

sentas nin multe pli ligitaj al nia frato en norda Eŭskadio ol al andaluzo - kion mi diras sen kia ajn aludo de rasismo! - kaj tamen ni devas vivi en sama ŝtato kun la andaluzo. Evidente ni kaj la hispana registaro bazas nin sur du diferencaj filozofioj: Dum ili vidas la centrisman ŝtaton suverena, kiu cedas tiun aŭ alian kompetentecon al la regionoj, male ni konsideras la unuopajn regionajn popolojn suverenaj kaj cedantaj al la centra registaro certajn kompetentecojn por ke tiu ĉi garantiu la civitanan kunvivadon.

ETNISMO: Ĉu vi vidas, precipe ĉi tie en Eŭskadio, pli-malpli fortajn tendencojn de separatismo, kiuj povus esti motivo por la centristoj tiom kontraŭstari veran aŭtonomecon?

BANDRES: Vidu, ni kiuj naskiĝis dum la milito aŭ kiuj estis kelkjaraj kiam komenciĝis la milito, ni havas profunde negativan sperton koncerne la unuecon de Hispanio, kion mi diras al vi kiel mi faris antaŭ 4 aŭ 5 tagoj al la vic-ĉefministro. Pro tio ni batalas por la memdetermino kiel esenca rajto de la popoloj por decidi pri la propra politika estonto. Tio ne signifas separiĝi, sed simple havi la rajton tion fari. Konvenas mencii la klasikan kazon: Se mi pledas favore al la rajto pri divorco, tio tute ne signifas ke mi mem intencas disiĝi de mia propra edzino! Do, dum la pasintaj kvardek jaroj, kvankam la historio estas iom pli malproksimena, ni ricevis nur mistraktadon, batojn, mortojn, procesojn, humiligojn, kulturan genocidon. Tial parte de la junaj homoj tre forte inklinas al la separiĝo, sed mi insistas pri tio ke ni ĉi-momente ne propagandas separiĝon pro multaj kaŭzoj absolute malebla, sed la memdeterminon, kiu povus rezultigi - se la hispana ŝtato igus la kunvivadon tiel agrabla - pozitivan decidon de la vaskoj koncerne la pluapartenon al tiu ĉi ŝtato.




ETNISMO: Ĉu vi kiel senatano por Gipusko kaj kandidatigita de "Euskadiko Ezkerra" bonvolus ekspliki al ni kio estas EE kaj kie ĝi situas en la politika spektro de Eŭskadio?

BANDRES: Ĝis la jaro 1936 la vaska naciismo estis konservema, tradiciema, konfesie ligita, preskaŭ reakciema. Konsekvence la homoj de socialisma aŭ eĉ marksisma tendenco ne povis kombini, en partio, sian vaskecon kun sia progreseco. Tiel naskiĝas, dum la diktatorado de Franko, tiu movado de la revolucia naciismo, kiu havas siajn precedencojn en Kubo kaj Alĝerio kaj kiu fortege batas la diktaturon. Tiuj junuloj estas samtempe

Jen Francisco LETAMENDIA ("Ortzi", t.e. "ŝtormo") tondre voĉdonanta la 31-an de oktobro 1978, en la deputita ĉambro de la parlamento, pri la konstituci-projekto. Krome 5 deputitoj de la dekstra "Alianza Popular" voĉdonis negative, 14 parlamentanoj (inter ili 7 de la Vaska Nacia Partio kaj Heribert Barrera de la Respublika Maldekstro de Katalunio) sindetenis, kaj 325 akceptis la projekton (5 deputitoj malĉeestis). En la senato, el 248 membroj, voĉdonis 239: 226 pozitive, 8 sindetene (i.a. 5 vaskoj kaj 1 kataluno) kaj 5 negative (Bandres kaj alia vasko, i.a. la konata kataluna pastro Lluis Maria Xirinacs).

vaskaj naciistoj kaj socialistoj, kvankam ilia doktrino eventuale ne jam estas tute bone ellaborita. Kiam mortis Franko, ne plu estis konsilinde daŭrigi la ekskluzive armilan batalon kaj, por partopreni en la politika "ludo", ekestis nova branĉo de E.T.A.: la partio E.I.A., t.e. "Euskal Iraultzarako Alderdia" (= "Partio por la Vaska Revolucio"). Tiu ĉi partio serĉas apogon ĉe aliaj grupoj maldekstraj, kiuj respektas la vaskan naciismon sen mem defendi ĝin kaj ideologie troviĝas pli maldekstre ol la Komunisma Partio de Hispanio. Tiel formiĝas koalicio inter E.I.A., la Komunisma Movado de Eŭskadio kaj aro da sendependuloj, inter kiuj estas mi estante membro nek de unu nek de alia partio, kaj tio estas "Euskadiko Ezkerra" kiu akiras en la parlamentaj elektoj en Gipusko 1 deputitan kaj 1 senatanan seĝojn. En la praktiko la rilatoj inter E.I.A. kaj la Komunisma Movado de Eŭskadio ne estas tro bonaj, kaj la konflikto eksplodas, tute konkrete, kiam temas pri elekto de la prezidanto de la Vaska Ĝenerala Konsilio. La alternativo estas kandidato de la Vaska Nacia Partio (VNP) aŭ kandidato de la Socialista Partio de Eŭskadio, kaj mi inklinis al la VNP-homo. Ĉar la Komunisma Movado de Eŭskadio pledas por la "hispaniisma" kandidato kaj voĉdonas, akorde kun E.I.A., por la vaskisma kandidato, praktike disfalas la koalicio. /Komparu ETNISMO-n 18/22.o3.78, p. 17 - 19./ Nu, mi devas diri ke mi havas grandan respekton antaŭ la prezidento de la VĜK, Rubial, kiu estas malnova batalanto spertinta karceron kaj torturon. - Nun mi pluapartenas al la EE-koalicio, kiu restas en la manoj de E.I.A., ĉar la komunistoj ne plu partoprenas la kunvenojn, kaj mi havas neniajn ideologiajn konfliktojn kun la homoj de E.I.A.: Ili ĉiuj estas miaj iamaj "klientoj" el la epoko kiam mi, advokato, defendis tiujn E.T.A.-membrojn antaŭ la tribunaloj, kiel mi, cetere, ankoraŭ nun faradas. Intertempe EE gajnis grandan nombron de simpatiantoj, kion konfirmas aliapartiaj enketoj. Kvankam ni konscias ke ni ne konkeros Amerikon, nek konvinkos la hispanan parlamenton, ni atingis ampleksan popularecon, ĉar - mi pensas - ni estas fidelaj al niaj promesoj donitaj dum la elekto-kampanjo defendante la postulojn de nia popolo kaj portante ĉi tien la aŭtentikajn informojn pri tio kio okazas en Madrido. Ni montris ke estas perfekte harmoniigeblaj du specoj de batalado: tiu de politika laboro, ekzemple en la VĜK, kaj tiu de samtempa mobilizado de la homamasoj. Konkrete, tiuj kiuj alkuris por helpi la pafitan junulon antaŭ kelkaj tagoj estis gvidantoj de E.I.A., kiuj aliatage sidis ĉi tie kun mi por diskuti diversajn problemojn de la sekcio pri transportoj de la VĜK. Mi malfacile imagas gvidanton de iu el la tradiciaj partioj aperi en la barikadoj. Tiel do, tiu ĉi juna partio E.I.A. estas tre esperiga por la homoj.

# VILLASANTE: LA LERNEJO BEZONAS UNUECIGITAN LINGVON

Kontraŭe al Katalunio, Eŭskadio trovas obstaklojn ne nur en la politika kampo luktante pri agnosko de sia nacieco, sed la identecon de la vaskoj malhelpas stumbligilo, kiu supozeble ne estas manipulata de Madrido: la granda diverseco de la eŭskeraj dialektoj aŭ, alivorte, la neekzisto de unuecigita eŭskera lingvo. ETNISMO jam antaŭ pluraj jaroj parolis ĉiteme kun la prezidanto de la "Euskaltzaindia", la vaska lingvo-akademio /Kp. ETNISMO-n 5/1o.12.1973, p. 1 - 3/. Hodiaŭ ni klopodas aktualigi la informojn pri la diskutoj koncerne la modernigon kaj unuecigon de la eŭskera lingvo per denova intervjuo kun pastro Luis VILLASANTE KORTABITARTE, efektivigita lundon, la 31-an de julio 1978, en Aranzazu.

ETNISMO: Kiu estis la ĉeftemo de la kunsido de "Euskaltzaindia" de la 28-a de julio kaj kiuj estas la rezultoj?

VILLASANTE: Estis unu el niaj normalaj monataj kunsidoj; tamen tiu ĉi ja enhavis iel gravajn aferojn. Matene oni diskutis la projekton de publikigo de eŭskeraj klasikaj libroj, - projekton kiun pro manko de financaj rimedoj oni ĝis nun ne povis aliri, kvankam tiaj literaturaj

eldonoj estas bezonataj i.a. en la lernejoj. Nun, post la kampanjo "BAI EUSKARARI" ( = "JES AL LA EŬSKERA" ), ni povas almenaŭ komenci la eldonadon.

ETNISMO: Se ni rajtas interrompi vin: Vi mem jam reeldonis "Gero" de Axular, ĉu ne?

VILLASANTE: Jes ja, ekzistis provoj, iom anarkiece. Sed nun la Akademio plane eldonos verkojn divers-specajn de diferencaj dialektoj, interesajn por studi kaj plibonigi siajn lingvokonojn. Ĝis nun tiuj verkoj ne estas je dispono de la vasta publiko. - Krome, dum la kunsido ni parolis pri la rezultoj de la kampanjo "BAI EUSKARARI" kaj ni definitivigis la programon de la kongreso de Vergara okazonta komence de septembro.

ETNISMO: Vi parolis pri tiuj reeldonoj. Kiel oni procedos? Ĉu oni publikigos la verkojn en ilia originala formo aŭ ĉu oni adaptos la lingvaĵon al iu unuecigita eŭskera?

VILLASANTE: Ne, ne, oni faros neniun adapton aŭ maksimume, laŭ decido de speciala komisiono, modernigon de la ortografio.



ETNISMO intervjuas la prezidanton de "Euskaltzaindia", la vaska lingvo-akademio.

(Fotis: J.J.Rivera, Tucson, Usono)

ETNISMO: En antaŭaj tempoj mankegadis financaj rimedoj. Kiu nun povus doni subvenciojn al la Akademio?

VILLASANTE: Vi scias ke ankoraŭ marŝas tiu kampanjo "BAI EUSKARARI", kaj la profito el ĝi servos i.a. por financi tiun projekton. Kompreneble tio ne povos esti la sola fonto, sed ni vidos.

ETNISMO: Antaŭ du jaroj la Akademio por la Eŭskera Lingvo aldonis la vorton "reĝa" al sia nomo. Ĉu tio signifas ankaŭ ekonomian helpon fare de la hispana ŝtato?

VILLASANTE: Ne nepre. Nomi ĝin "reĝa" estis peto de Madrido, kiam la Akademio akiris la oficialan agnoskon fare de la registaro. Laŭ la leĝoj akademio en la monarkio simple portas la epiteton "reĝa". Estas vero ke poste alvenis, el Madrido, jen kaj jen subteno antaŭe ne donita, sed mi ne kredas ke tio estos konstantaĵo.

ETNISMO: Ĉi-jare oni aranĝos la menciitan kongreson de Vergara, dek jarojn post la fama kongreso de Aranzazu, en kiu iel naskiĝis tiu unuecigita eŭskera konata sub la nomo de "Euskara Batua". Kiuj estas la plej elstaraj kaj eventuale plej diskutataj elementoj de tiu unueca eŭskera lingvo?

VILLASANTE: La afero de la unuecigo estas pli malnova ol la nomo "Euskara Batua", kiu aperis nur antaŭ kelkaj jaroj, mi ne scias kie kaj kiel, sed kiu iel penetris la landon kaj estas pli-malpli akceptata. Jam okaze de la kongreso de vaskaj studoj, en 1918, ĉi tie en Onjato, Luis de ELEIZALDE, kunfondinto de "Euskaltzaindia", avertis klarvide ke la eŭskera lingvo devos havi sian norm-formon, se oni volas ke tiu lingvo ser-

vu en la lernejo kaj kiel portilo de kulturo meritanta tiun ĉi nomon. Se ĉiu volus plene uzi sian dialekton, ni havus nian babelan turon. Tio estas la sama problemo en ĉiuj kulturaj lingvoj, la germana havis ĝin. Ĉar la germana instruata lerneje ne egalas la lingvaĵon parolatan en ĉiuj anguloj de la lando. Laŭ mia scio la germanaj kantonoj de Svislando parolas dialekton tre diferencan de la oficiala germana lingvo, sed ĉi tiun norm-germanan oni instruas al la infanoj en la lernejo kaj ili ne trovus laboron sen scipovi ĝin. Do, en la eŭskera ĉiu verkisto skribis laŭ sia loka aŭ regiona formo, sed jam ekzistis kvar literaturaj dialektoj, ĉiu en si mem unuecigita, en Biskajo, en Gipusko, en Lapurdo kaj en Subero. La interdependeco de la vaskaj regionoj pligrandiĝis, la kamparana vivo ŝanĝiĝis, ĉiuj televidas, ĉiuj legas ĵurnalojn, la familio perdis sian funkcion de lingvo-instruado, ĉar la infanoj tuttage estas en la lernejo, eĉ ne hejmenvenas por tagmanĝo kaj vespere televidas. Do, se la lernejo ne nutras ilin per la lingvo, neniu faras kaj la eŭskera estos perdita. Evidente ne eblas presi diversajn tekstolibrojn por ĉiu vilaĝo. - Necesas substreki ke "Euskara Batua" intencas esti precipe s k r i b a lingvo; kiam oni parolas, oni uzu la dialektan formon de sia regiono. "Euskara Batua" devas esti de ĉiuj kaj de neniu, ĉar la partikularismo inter la vaskoj estas tre disvastigita, ne eblas unuanimiĝi pri akcepto de kiu ajn regiona dialekto kiel komuna lingvoformo, kaj tial "Euskara Batua" baziĝas ĉefe sur la komunaĵoj ekzistantaj en ĉiuj dialektoj. La nunaj kaj pli eĉ la originaj komunaj trajtoj de la eŭskera estas multege pli grandaj ol la diferencoj. Tion konsciis Luis MITXELENA proponante la antaŭprojekton, kiu ankoraŭ estas evoluanta, kaj mi ne scias kien ĝi iros. Nu, la plej diskutata ero de la ortografio, kiel vi jam scias, estas la litero H, pri kiu oni parolos supozeble ankaŭ en Vergara.

ETNISMO: Sed tiu ĉi ŝajnas esti unu el la malplej gravaj eroj.

VILLASANTE: Malpli grava, jes, sed la ortografio frapas la okulojn, jen la unua paŝo por unuecigi lingvon. Ĉi tie ni trovas du Vaskiojn, la nordan, francian, kaj la sudan, kaj la francia Vaskio ĉiam skribis la H, ĉar oni prononcas ĝin, do ni ne povas forigi ĝin. Kompromise oni volas uzi la H ĝenerale, sed ne post konsonanto. Eĉ tio furiozigas kelkajn homojn de tie ĉi kiuj volas vidi ne unu solan H. Tamen, la granda plimulto ŝajnas akcepti ĝin; oni vidos en Vergara kiugrade la aŭtoroj aplikis la rekomendojn de "Euskaltzaindia".

ETNISMO: Kaj bonvolu diri: Ĉu la H en antaŭaj epokoj ĉi tie en la sudo estis skribata? Ĉu troveblas tekstoj kun H?

VILLASANTE: Ankaŭ tiaj ekzistas, kvankam malmultaj. Laŭ la lingvistoj, la H estis prononcata en la tuta eŭskera en la tempo kiam oni ne skribis la lingvon. Ni povas konkludi tiun prononcadon el dokumento de la monaĥejo de San Millán de la Cogolla (provinco de Logronjo): La monaĥoj notis la vaskajn vilaĝojn, el kiuj venis donacoj, per H, laŭ la aspiracio. Temas pri la 12-a jarcento. Supozeble la eŭskera H estis infektita de la kastilia kaj aragona H kaj malaperis kune kun tiuj ĉi, sed tiu perdo haltas precize en la hispana limo. Malgraŭ ĉio ĉi ekestis akuzoj dirantaj ke la H estas invento de la ateistoj, de la marksistoj ...

ETNISMO: Kaj krom la H, kiuj estas aliaj gravegaj elementoj?

VILLASANTE: Nu, la H estis la sola disputaĵo en la ortografio. La deklinacio ne prezentas specialajn problemojn. Oni substrekis la gravecon de la nedifinita deklinacio, kiu multe pli bone konservatas en la francia Eŭskadio ol ĉi tie. La gramatikistoj ne multe atentis tiun karakterizaĵon de la eŭskera kaj verkis siajn gramatiko-librojn, kiel faris tiu fama Larramendi, surbaze de la latina skemo. - Poste rigardendas la verbo-sistemo, kiu - kvankam esence sama - havas tiom da nuancoj laŭ la dialektoj ke ne eblis kunmiksi ĉion en unu kukon. Kiel bazon oni prenis la gipuskan verbo-formon kaj aldonis jen kaj jen erojn el la lapurda, eĉ

el la biskaja.

ETNISMO: Ĉu oni do povas diri ke precipe la vortotrezoro diskutatas nuntempe? Se ne, kie estas la diskutpunktoj?

VILLASANTE: Vidu, efektive mi opinias la opozicion al la "Euskara Batua" granda misaĵo. Se ili almenaŭ surtabligus alian sistemon! Sed ili diras nur: "Tion ĉi ni ne volas!" Plibonaĵon ili ne povas prezenti.

ETNISMO: Inter la malsamopiniantoj oni kelkafoje aŭdas la riproĉon ke "Euskara Batua" akceptis blinde novajn vortojn superfluajn, kiuj esprimas ideojn direblajn ankaŭ per jam ekzistantaj terminoj.




Tiu ĉi insigno de la kampanjo estis videbla multloke: sur muroj, afiŝoj, ĉemizoj, glufolioj ktp.

VILLASANTE: Bone, ne estas tiel. En la eŭskera, sub la influo de Sabino Arana Goiri kaj lia skolo, dum la pasintaj kvindek jaroj regis forta purismo leksika, kiu volis malakcepti por la eŭskera ĉiun vorton eĉ nur iom similan al alilingva elemento. Tiu ĉi principo kondamnis la eŭskeran iri en sakstraton, tiel ke la homoj ne sciis kiel esprimi siajn ideojn, ĉar unu vorto similis al latina, alia al greka, tria al kastilia vorto. Kontraŭ tiu sinteno leviĝis alia-ekstrema tendenco, kiu certe jen kaj jen forlasis la kadron, sed la Akademio nek kondamnis unu, nek la alian direkton kaj starpunktas jene: Oni ne forĵetu tiujn vortojn kiuj jam enradikiĝis en la lingvo. Oni ne tiom rigardu la etimologion. La vorto "eliza" kiu signifas "eklezion/preĝejon" estas prenita el la latina, sed ĝi estas eŭskerigita, kaj do ne ekzistas motivo por malpermesi ĝin. Nur tion ĉi decidis la Akademio koncerne la vortaron. La aŭtoroj estas eksperimentantaj, kaj oni devas lasi al ili certan liberecon, kiam ili verkas pri geografio aŭ matematiko, do plugante novajn terenojn, la Akademio ne ordonas al ili ĉu uzi aŭ ne tiun aŭ alian kastili-devenan leksemon, ĉar ... la Akademio same ne scias kiel plej bone fari. Konsekvence, estas neevitebIe ke okazas translimiĝoj, troiĝoj, kiuj ne karakterizas la unuecigitan eŭskeran lingvon, sed generale la nunan evolu-stadion de tiu ĉi lingvo. En unu el la lastaj numeroj de "Fontes Linguae Vasconum" Luis Mitxelena diris ke la moto de la "Reĝa Akademio por la Kastilia Lingvo" tekstanta "PURA - FIKSITA - KAJ DONAS BRILON" ne estas same aplikebla al la eŭskera, ĉar sen disponi pri fiksita lingvo ne havas sencon okupi sin pri la pureco.

ETNISMO: Sed rigardante tekstojn en ĵurnaloj kiel "EGIN" aŭ "DEIA" eksterlandano unuamomente ne certas ĉu la titolo estas en eŭskera aŭ en kastilia: "TERRORISMOA DELITO KONSIDERATUA" aŭ similaĵo.

VILLASANTE: Jes, jes, certe troveblas troiĝoj. Vi scias ke la ĵurnalistoj hastas kaj ne sufiĉe prilaboras tion kion ili surpaperigas, kaj inter ili estas ankaŭ malbonaj skribistoj. Sed ĉu la Akademio kulpas pri tio?

ETNISMO: Ne, kompreneble ke ne.

VILLASANTE: Kion fari? Ekzistas bonaj kaj malbonaj uzantoj de "Euskara Batua".

ETNISMO: Ĉu vi antaŭvidas ke la Akademio baldaŭ, eventuale dum la kongreso de Vergara, faros iun decidon koncerne vortarajn problemojn? Aŭ ĉu ĝi lasos la aferon al la aŭtoroj?

VILLASANTE: Nu, la lastan kongrestagon ni havos solenan kunsidon de la Akademio, sed mi apenaŭ imagas ke oni traktos leksikajn aferojn.

ETNISMO: Se oni hodiaŭ serĉas leksikonon de "Euskara Batua", ĉu oni povas konsideri tiun de Xabier KINTANA, "Euskal Hiztegi Modernoa Euskara - Espainiera / Espainiera - Euskara", oficiala aŭ kvazaŭ-oficiala?

VILLASANTE: Neniel. Same tiu de Kintana kiel tiu Múgica estas neniel menditaj de la Akademio kaj do restas komplete ilia privata afero. Krome laboras Ibon Sarasola super norma leksikono unulingva, kies provpresaĵojn oni cirkuligas inter la akademianoj por korektoj kaj sugestoj. Tiu leksikono donos amason da indikoj pri la verbspecoj, la nivelo de la terminoj, kun ekzemploj ktp. Tiu Sarasola estas do pli ligita al la Akademio, sed ankaŭ li ne estas oficiale komisiita. Li diras en la prologo ke por la unuecigita lingvo oni prenas la malnovan, klasikan lapurdan dialekton kaj la nuntempe parolatan formon de Gipusko. Estas faritaj jam kelkaj liter-ĉapitroj.

ETNISMO: Antaŭ mallonge aperis lernolibro, publikigita de la Akademio, tiu "HITZ EGIN!". Ĉu ĝin oni konsideru oficiala materialo de la Akademio?

VILLASANTE: Ne, ne, tiu ĉi estas io alia. Tio estas "baza eŭskera", iel simpligita eŭskera, do ne kompleta. Tiu eldonaĵo obeas la bezonon ebligi, faciligi la lernadon al tiom da diversaj homoj, precipe iom pli aĝaj, kiuj vivante en Bilbao aŭ Donostio aŭ aliloke nenion scias en la eŭskera kaj deziras lerni nian lingvon. La aŭtoroj iom orientiĝis laŭ la israela ekzemplo de instruado de la novhebrea al tiuj multaj personoj alvenintaj el la diasporo; estus malfacile tuj ellerni la novhebrean kaj tiukaze ekzistas iu baza lingvo, kun literaturo, kiu helpas la homojn integriĝi en la lando. Nu, tiuj aŭtoroj celis ion similan por Eŭskadio kaj ili formis komisionon, interne de la Akademio kiu lasas ilin fari. Tio ne estas l a "Euskara Batua", sed i a eŭskera.

ETNISMO: Kaj jen nia lasta demando: Kiu estas la celo de tiu kongreso kiun "Euskaltzaindia" estas preparanta por Vergara?

VILLASANTE: En la 7-a kongreso de Aranzazu, en 1968, oni unuan fojon publike prezentis tiujn elementojn pri unuecigota lingvo, la H ktp., kaj oni diris ke oni bezonos dek jarojn por konstati ĉu la proponoj akceptiĝos aŭ ne en la popolo. Intertempe mi ricevis multegajn petojn ke oni eliminu la H kaj faru tiun aŭ alian modifon. Sed ĉiam mi diris ke ni atendu la pason de dek jaroj, dum kiuj oni eksperimentu kaj kolektu spertojn. Nun pasis tiu tempo, kaj en Vergara ni vidos la bilancon surbaze de pluraj raportoj kaj intervenoj. Mi esperas kaj supozas ke la projekto estas konfirmita, ĉar la plimulto jam akceptis ĝin.

(Ankaŭ tiu ĉi intervjuo estas represita ĉi-supre en resumita traduko.)

* * * * * * * * * * *

La renoma ĵurnalo "EL PAIS" de Madrido raportis la 12-an de septembro 1978, en paĝo 24, pri la 8-a kongreso de "Euskaltzaindia" en Vergara:

La grandega plimulto de la vaskoj akceptas la unuecigon de la eŭskera kiel solan vojon por savi la lingvon, kaj ĝenerale oni aprobas la proponojn faritajn antaŭ dek jaroj en Aranzazu. Dum la sekvantaj monatoj oni detaliĝos diversajn ideojn kaj organizos novan kongreson jam en la jaro 1979. - La opozicio kontraŭ la unuecigo troveblas en du kampoj. Unu grupeto rifuzas absolute ĉian "artefaritaĵon" kaj postulas ke ĉiu aŭtoro uzu sian lokan dialekton. La alia grupo (precipe ĉirkaŭ "Euskerazaleak" kaj "Kardaberaz") celas unuecigon surbaze de la gipuska dialekto. - La Akademio direktis sin al la instruministerioj de Hispanio kaj Francio postulante instruistojn kapablajn instrui en la eŭskera lingvo.

* * * * * * * * * * *

RAPORTO DE MEMVIDINTO — RICHARD ARENS

# AĈEOJ

## MORTIGEJOJ EN PARAGVAJO

La aĉeoj de Paragvajo, pacema kaj primitiva indiana tribo kiu vivas de jarcentoj ĉasante kaj kolektante en la ĝangaloj de Sudameriko, estas sisteme ekstermata. Oficiale, la aĉeon oni ĉasas kiel beston; la postvivantoj de tiuj ĉi homĉasadoj estas sklavigataj aŭ devigataj loĝi en rezervejoj. Nuntempe, ilia tribo nombras ne pli ol 1.ooo anojn kaj, rezulte de la daŭra amasbuĉado fare de la registaro de Paragvajo, estas en danĝero estingiĝi.

Kion faris la aĉeoj por meriti tiun ĉi sorton? Nuntempe Paragvajo travivas iaspecan ekonomian prosperiĝon. En 1965 kaj 1968 oni konstruis ŝoseojn tra la ĝangalo, kiu fariĝis sekve pli facile atingebla, kaj vaste pliiĝis la valoro de la terpecoj. Grandaj ekonomiaj kompanioj translokiĝis en la internon de Paragvajo. Kiam tio okazis, kiel vidinto rimarkis, la aĉeo fariĝis "malkonvena". Tute simple, ili fariĝis malhelpo al ekonomia evoluo, kaj, kiel decidis la koporacioj kaj ilia komplezema kunkulpulo, la registaro de Paragvajo, oni devis forigi la indianojn.

La oficiala sistemo estis "izoli" la aĉeojn en rezervejojn. Neoficiale, la paragvaja registaro komencis forigi la indianojn per kiu ajn rimedo. Estas bone dokumentite ke la direktoro de la "izolado"-projekto, Manuel de Jesús Pereira faris homĉasojn kontraŭ la aĉeoj. Aroj da aĉeoj estis mortigitaj per pafiloj kaj hakiloj, kaj la postvivantoj trovas la rezervejoj kondiĉojn similajn al tiuj de la naziaj koncentrejoj.

Tiuj ĉi bazaj faktoj estis unuafoje montritaj al la mondo en 1973 fare de la germana antropologo Mark Münzel en la organo de la Internacia Labor-Grupo pri Indiĝenaj Aferoj (Kopenhago). La Internacia Komisiono de Juristoj kaj la Kontraŭ-Sklaveco-Societo de Britio trovis lian raporton konvinka, kaj la Internacia Ligo por la Homrajtoj, same kiel la Rom-Katolika Eklezio de Paragvajo, denuncis tion kion ili nomis "milit-iro de amasbuĉado kontraŭ la aĉe-indianoj". Tamen, la kruelegaĵoj daŭris, kaj la paragvaja registaro daŭre neis ilian ekziston ...

En 1976, la "Temple University Press", sub mia redaktoreco, eldonis la dokumenton "Genocide in Paraguay", en kiu la paragvaja registaro estis kulpigita pro kompliceco en la ekstermado de siaj aĉeoj. La amasbuĉado-sistemo kontraŭ la aĉeoj inkluzivis jenajn erojn, sed ne limiĝis al ili:

* Aĉeoj estis ĉasitaj kiel bestoj. Multaj estis tuj mortigitaj. La postvivantojn oni kondukis en rezervejojn.
* Multaj el la aĉeoj en la rezervejoj estis sklavigitaj - la viroj kiel manlaboristoj, la virinoj kiel prostituitinoj kaj la infanoj kiel domservantoj. Aliaj estis lasitaj al la morto. Rezervejaj oficuloj okazigis periodojn de malsato, dum kiuj kaj nutraĵoj kaj medikamentoj estis retenitaj.
* Al la indianoj en la rezervejoj estis malpermesite paroli sian lingvon, kanti siajn kantojn, praktiki sian religion kaj doni al siaj infanoj aĉe-nomojn. La celo - kaj rezulto - de tiuj ĉi malpermesoj estis krei senton de senhelpeco kaj malespero inter la aĉeoj kaj detrui ilian kulturan identecon.

"Genocide in Paraguay" sukcesis altiri plian atenton pri la stato de la aĉeoj, inkluzive de kelkaj esprimoj de maltrankvileco flanke de parlamentanoj. Nelonge post ĝia eldoniĝo, la direktoro de Indianaj Aferoj de la paragvaja Fako de Defendo invitis min veni al Paragvajo por ke mi

konvinkiĝu - li diris - surbaze de mia propra observado ke la vivkondiĉoj de la aĉeoj - kaj ankaŭ de aliaj paragvajaj indianaj triboj - ne estas tiel malbonaj kiel priskribas la libro. La usona ambasadoro en Paragvajo, George Landau, ankaŭ telefonis al mia oficejo kelkfoje por instigi min, dirante ke mia vizito al Paragvajo servus utilan celon kaj ke, se mi irus, mia sekureco estus garantiita.

Fakte, tio ĉi ne estis malgranda maltrankvileco. Ĉirkaŭ la sama tempo kiam eldoniĝis "Genocide in Paraguay", la paragvaja registaro arestis la laborantojn de la projekto "Marandu" kiu celis provizi la arbarajn indianojn per nutraĵo kaj medicina helpo kaj informi ilin pri iliaj rajtoj laŭ paragvajaj kaj internaciaj leĝoj. La anoj de la "Marandu"-projekto estis narkotitaj, batitaj, subigitaj en ekskrementon ĝis preskaŭ-drono, kaj la virinoj estis subigitaj al groteskaj formoj de seksaj insultoj. En 1976, la paragvaja registaro ekziligis ses rom-katolikajn pastrojn denuncintajn la amasbuĉadon de la aĉeoj, kaj ĝi arestis kaj torturis seminarianon. Same ses protestantaj misiistoj farintaj helpagadon inter indianoj estis arestitaj.

Tamen, la reprezentantoj de la paragvaja kaj usona registaroj persistis dirante ke ne akceptante la inviton iri al Paragvajo mi agus obstine. Ili diris ke kiel redaktoro de "Genocide in Paraguay" mi havas specialan responson almenaŭ vidi mem ke la libro estas bazita sur falsa informaro. Ne fari tiel - ili diris - pruvus ke mi ne volus kompari la eldiraĵojn de la libro kontraŭ la faktoj.

Ŝajnis ke mi devas iri.

Helpe de Postvivo Internacia de Britio, mi ekvojaĝis la 17-an de aŭgusto 1977 kaj atingis Asuncionon la postan tagon. Renkontis min kolonelo Alberto Samaniego, la direktoro de Indianaj Aferoj, civila membro de la "Asociación de Parcialidades Indígenas" ("Asocio de Indiĝenaj Grupiĝoj"), t.e. la posteulo de "Marandu", kaj la tria sekretario de la usona ambasado.

Antaŭ mia alveno okazis aresto (kiel kutime, sen kulpigo) de Oskaro Rodriguez, API-ano. La usona ambasado estis certa ke oni liberigos lin tuj, kiam mi alvenis, sedprintempe de 1978 li ankoraŭ estis en karcero!

Precize je la 7-a matene generalo Marcial Samaniego, ministro pri defendo, akceptis min en ĉeesto de adjutantoj. Estis multe da kalkumklakoj, kaj oni fotis min flanke de ridetanta ministro. Li certigis min ke germana antropologo, kiun li akuzis kun iom da malico pri malbonkonduto rilate al indianoj, elpensis la malverojn pri indiana suferado kaj ke nun mi mem vidos. Mi facile povu diferencigi inter fakto kaj fikcio. La fakto estas ke li metis la dekstran manon sur la koron (super plej impona ventro) kun gesto ĵursimila: "Ni amas niajn indianojn." Li aldonis tuj ke estas la sistemo de Paragvajo "enkonduki ilin en nian socion" --- esprimo kiu fine signifas por mi ke la indianoj estu forpelitaj el la arbaroj kaj izolitaj. Kiel oni ofte konstatis, "izoli" liberan ĉaskomunumon sen jardekoj da atenta prilaborado kaj psikologia preparado suferigas kaj fine mortigas tiujn "izolitojn". Kiam mi provis mencii tion, la ministro premis mian manon kvazaŭ mi estus esprimінта senton de estimo. Demando pri la API-membro restis simile senresponda. La ministro certigis min pri la bonvolemo de la paragvaja registaro permesi al mi vidi ĉion. Oni ne diris al mi ke norda parto de la Ĉako-regiono en okcidenta Paragvajo estas malpermesita al ne-aŭtoritatuloj inkluzive min. (Oni neniam permesis al mi viziti tiun areon.) Oni informis min ke mia kunulo estos ano de la ministerio pri defendo servonta kiel mia tradukisto kie ajn mi volos renkonti indianojn. Post kelktaga observado la difinita kunulo konfesis al mi, en drinkejo, ke li estas membro de la informservo de la paragvaja armeo kaj devas raporti pri mi je difinitaj horoj.....

<u>El:</u> AKWESASNE NOTES, printempo 1978     (Tradukis: Roan U. Orloff-Stone)

(Daŭrigota en ETNISMO 21)

carn
AUTUMN 1978
No. 23
A LINK BETWEEN THE CELTIC NATIONS




Jen la titolo de la kvaron-jara revuo de la KELTA LIGO, kies sidejo estas ĉe: 9 Bóthar Cnoc Sion, BAILE-ATHA-CLIATH 9, Ejro (= Dublino, Respubliko Irlando) kaj kies ĝenerala sekretario estas Alan Heusaff. Eventuale interesas legi la nomon KELTA LIGO en la koncernataj lingvoj, jen:

Skotgaele: Comunn Ceilteach
Bretone: Kevre Keltiek
Kimre: Undeb Celtaidd
Irlandgaele: Conradh Ceilteach
Kornvale: Kesunyans Keltek
Mankse: Commeeys Celtiagh

La revuo CARN (tiu ĉi vorto irlandgaele signifas "aron", "multe") publicas artikolojn en la angla kaj en la diversaj keltaj lingvoj, tamen ne traduke. Por ricevi ĝin oni povas aŭ aĉeti unuopajn numerojn (je 40 pencoj) aŭ aboni ĝin aŭ membriĝi en la KELTA LIGO (jarkotizo: 2 britaj pundoj respektive 20 FF).

Tiu ĉi numero 23 de aŭtuno 1978, en 24 preskaŭ-A-4-paĝoj dense kaj malgrandlitere presitaj, raportas pri: la nova Asembleo de Skotlando, la sinteno de skotaj aŭtoritatoj koncerne la gaelan lingvon, la skota socialista movado, projekto de nukle-centralo en Bretonio, arestoj kaj procesoj kontraŭ bretonoj, la morto de la granda bretona verkisto Roparz HEMON (29.06.1978), la Bretona Demokrata Unio, la kimra festivalo, la decido pozitiva pri kimralingva televido-kanalo (ek de 1982), la finraporto de la konsilantaro pri la kimra lingvo, la leĝo pri Kimrio, la lingvoproblemo en Ejro, senlaboreco, kontraŭ-nukleenergia festivalo, la lukto favore al la gaela en ejraj tribunaloj, la lingva situacio en Kornvalo, la ideo de manksa respubliko, la eksperimentoj pri komuna gaela aŭ eĉ tut-kelta lingvo, novaj libroj ktp. - Jen ni resume represas, en nia traduko, la artikolon "Language Council Final Report":

# REKOMENDOJ PRI LA KIMRA LINGVO

La Kimra Lingvo-Konsilantaro transdonis sian finraporton al la ministro pri Kimrio, John Morris. Tiu ĉi konsilantaro estis starigita en 1973 kiel konsultotaro de la Kimrio-ministerio kaj ĝi publikigis kvar raportojn pri: radioprogramoj, edukado de infanvartistinoj, eldonaĵoj por in-

fanoj kaj instruado de la kimra al plenkreskintoj. Poste oni petis la konsilantaron fari suman raporton pri la politiko koncerne la kimran lingvon. Tiu ĉi raporto estas la plej ampleksa iam prezentita al la registaro kaj tuŝas la plej multajn aspektojn koncerne la batalon por la lingvo: reklamadon, edukadon, radioprogramojn, eldonadon, planadon, vivmedion ktp. La raporto ankaŭ enhavas aron da rekomendoj kiuj - se efektivigitaj - multe plivastigus la perspektivojn de la lingvo. Tamen, la historio de la Kimra Lingvo-Konsilantaro, ek de ties komenciĝo, estas tiu de prezentado de senfinaj rekomendoj al la Kimrio-ministro ŝajne nur por esti ignorataj kaj kovrati de polvo en la Kimrio-Oficejo. La konsilantaro ankaŭ estis kritikata kvazaŭ forminte bufron inter la lingvo-kampanjantoj kaj la registaro. Kelkaj plendoj koncerne la kimran lingvon estis senkomente senditaj al la konsilantaro, kvankam tiu ĉi estis komplete senpova kiel ajn agi. Almenaŭ nun John Morris ne povas resendi la raporton al la konsilantaro, ĉar ĝi jam ne plu ekzistas! La pilko estas definitive en lia korto, kaj Kimrio atendas lian verdikton.

La konkludoj kaj ĉefaj rekomendoj de la raporto estas jenaj:

1) La kimra lingvo estas en stato de krizo. La registaro devus anonci politikon de efektiva dulingveco en Kimrio.
2) La ministro publike anoncu la starigon, laŭeble baldaŭan, de konstanta institucio anstataŭonta la Kimran Lingvo-Konislantaron. Tiu institucio responsu pri antaŭenigo de la kimra lingvo kaj pri administrado de subvencioj.
3) Estas rekomendite tuj doni subvencion de 1,5 milionoj da pundoj por helpi savi la kimran lingvon kontraŭ estingiĝo. Supozante ke la ekonomia situacio en la lando konsiderinde estos pliboniĝinta post du jaroj, el tiel modesta komenco la registaro, ek de la financa jaro 198o/81, disponebligu sumon de 18 milionoj da pundoj (laŭ la nuna prezo-nivelo), el kiuj 8 milionoj estu por la dulingva edukado, 9 milionoj por la prizorgado de la kvara /t.e. kimralingva/ televidokanalo kaj 1 miliono je libera dispono de la posteulo de la Kimra Lingvo-Konsilantaro. Tia sumo reprezentus malpli ol o,o4 % de la publika elspezaro de la Unuiĝinta Reĝlando.
4) La registaro tuj komencu kampanjon subtene al la kimra lingvo. La celoj de tiu kampanjo estu informadi, klerigi kaj refirmigi la popolon de Kimrio, precipe junajn patrinojn, pri la fundamentaj aspektoj de la lingva problemo.
5) Edukado estas decidiga en la daŭra bonfarto de la kimra kiel vivanta lingvo. La registaro raj igu la lokajn aŭtoritatojn establi en ties teritorioj daŭran reton de dulingva edukado, kiu, certamomente, fariĝu normala en tuta Kimrio. La tuj unua paŝo estu ĝenerale disponebligi en Kimrio efektivan dulingvan infanvartadon kaj certigi seninterrompan praktikadon de tia dulingva edukado dum la tuta deviga lernojararo.
6) La registaro trovu vojojn kaj rimedojn por finance subteni la lokajn eduk-aŭtoritatojn en Kimrio en la kromaj paŝoj de dulingva edukado.
7) La hejmo estas alia decidiga punkto koncerne la lingvon; ĝi kaj la lernejo komplementigu unu la alian. En la kazo de la kimra, la plej potenca ekstera influo tuŝanta nuntempe la hejmon estas la radiofonio. Oni starigu aldonajn fondusojn por infan-programoj. La tre baldaŭ funkciigenda kimra televidoprogramo enhavu la plej multajn, sed neniel ĉiujn kimralingvaĵojn.
8) Estas rekomendite ke la registaro, por 1978/79, liberigu aldonajn 2o.ooo pundojn por pliampleksigi la provizon de adekvata lego-materialo, speciale por junaj patrinoj kaj ties infanoj.
9) La registaro pliintensigu sian agadon por liveri dulingvajn formularojn kaj ceterajn dokumentojn same kiel dulingvajn trafiksignojn.
1o) La kimra lingvo estu aparte konsiderata en ĉiuj planadoj en Kimrio.
11) Oni kreu adekvatajn kondiĉojn por tiuj plenkreskintoj kiuj deziras plibonigi siajn lingvokonojn aŭ kiuj volas lerni la kimran lingvon.

* * * * * * * * * * *

# INTERVJUO KUN
# RUDOLF GRULICH

Post kiam estas publikigita, en numero 18 de tiu ĉi informilo, intervjueto kun Dirk Willkommen, hodiaŭ respondas niajn - pli-malpli identajn - demandojn Rudolf GRULICH, kiu kontribuis plurfoje al niaj informoj per vaste dokumentitaj artikoloj pri orienteŭropaj kaj balkanaj minoritataj problemoj. En 1976, tre trafe por la Universala Kongreso en Ateno, li pretigis la kajereton "Etnaj problemoj en sudorienta Eŭropo: Ekzemple turkoj, makedonoj, aromunoj, armenoj, albanoj, bulgaroj kaj sefardoj en Grekio kaj tataroj en Dobruĝo, gagaŭzoj en Moldavio, Rutenoj en Vojvodino", kiu ankoraŭ estas havebla ĉe ni je prezeto de 2,-- gm.

ujm

ETNISMO: De kiam vi okupiĝas pri minoritataj problemoj? Kiel vi ekkontaktis tiun ĉi problemaron?

GRULICH: De 12 jaroj mi okupiĝas pri problemoj de etnaj grupoj kaj minoritatoj. Kiam, en 1966, mi unuan fojon revenis al mia naskiĝloko Deutsch-Brodek en Moravio, iama lingva insulo germana, mi surpriziĝis tie trovi, loke de la forpelitaj en 1946 sudetgermanoj, ne nur ĉeĥojn, sed ankaŭ kroatojn, kiujn same post la milito oni estis translokinta el iliaj jarcentojn malnovaj loĝlokoj en Ĉeĥoslovakio. Ek de tiam mi vojaĝante ĉiam konscie observis la etnaĵojn inter la respektivaj loĝantoj, kaj tra la jaroj mi devis konstati kiel nekonata estas Eŭropo. En la Altlernejo pri Filozofio kaj Teologio de Köngigstein/Taunus ek de 1967 min frapis la bona sorto ke mi povis aŭskulti la lekciojn de profesoro Theodor VEITER pri interetnaj juro kaj problemoj. Al li mi ŝuldas la decidajn fundamentajn sciojn ĉi-kampajn. Krome mi povis konatigi al mi surloke la vivon de unuopaj etnaj minoritatoj dum tutjara studado en Jugoslavio, tiu klasika multetna ŝtato.

ETNISMO: Ĉu vi sentas vin ano de etna minoritato?

GRULICH: Mi naskiĝis almenaŭ en minoritata regiono: kiel germano en Ĉeĥoslovakio. La lingva insulo Deutsch-Brodek ampleksis nur kvar germanajn vilaĝojn, kiuj estis, post 1918, submetitaj al brutala eksetniga premo antaŭ ol ĉiuj enloĝantoj estis forpelitaj en 1946.

ETNISMO: Pri kiuj etnoj vi interesiĝas ĉefe?

GRULICH: Min interesas precipe la minoritatoj en orienta kaj sudorienta Eŭropo, ĉar tiuj ĉi estas plej malmulte konataj kaj tial plej multe neglektataj. Vi ne bezonas fari pli ol rigardi la bazan libron "Handbuch der europäischen Volksgruppen" ("Kompendio pri la eŭropaj etnaj grupoj") de 197o. Sub la nomo de pli ol dekduo da minoritatoj oni lakonece diras "Ne traktita pro manko de kompetentulo." kaj pligrandas la nombro de tiuj etnoj, kiuj eĉ ne estas nomitaj, kvankam ili menciatas en statistikoj de la koncernataj ŝtatoj kaj malgraŭ la fakto ke ili montras viglan vivon kiel ekzemple ĉeĥoj kaj turkoj en Jugoslavio.

ETNISMO: Ĉu krom la menciitaj kazoj vi jam vizitis minoritatojn en ties loĝregionoj?

GRULICH: Dekomence mi klopodas krom legado de la literaturo inkluzive la minoritatan gazetaron krei kontaktojn surlokajn kaj kolektadi informojn. Tiucele mi iris - krom Jugoslavio kaj Ĉeĥoslovakio - al Jugoslavio, al Transilvanio, al Dobruĝo, al la minoritataj regionoj de Bulgario kaj al tiuj de Grekio, kio, dum la reĝimo de la

grekaj koloneloj, kaŭzis al mi kelkajn ĝenojn kaj restadojn en policaj komisariejoj. Proksimoriente mi vizitis armenojn, arameojn, kurdojn kaj ĉerkesojn en Turkio, Sirio, Libano kaj Jordanio. En tiuj ĉi kazoj min interesis ĉefe la interplektiĝo de religio kaj etnaneco.

ETNISMO: Ĉu do la minoritata problemaro tuŝas viajn profesiajn laborojn?

GRULICH: Jes ja, ĉiumomente. Kiel eklezi-historiisto mi ne povas ne konstati, precipe en la orienta eklezio kun ties tre reliefaj naciaj organizoj, la intiman interligiĝon de nacio kaj konfesio. Religiaj minoritatoj multakaze estas samtempe etnaj minoritatoj. Ĝis niaj tagoj, ekzemple, grekoj, armenoj kaj judoj kiel solaj minoritatoj en Istanbulo ĝuas certan protekton, tutsimple ĉar iliaj k o n f e s i o j estas agnoskitaj, dum mahometanaj lingvaj minoritatoj, kiel kurdoj kaj ĉerkesoj, estas asimilataj. Same ĉe ni ne okcidenta kaj meza Eŭropo la historio liveras ekzemplojn de tiaj interligoj, i.a. en la reformacio, kies sukcesaj aŭ malsukcesaj bibliotradukoj ĝis nun influas la mapon de Eŭropo. En kelkaj ŝtatoj la katolika eklezio ankoraŭ ne tute komprenis ke la dua vatikana koncilio celis anstataŭigi la latinan lingvon ne per la ŝtata, sed per la etna popollingvo, kaj tiu, ekzemple en Italio, ne estas nur la itala, sed ankaŭ la friula, la okcitana, la piemonta, la romanĉa ktp. Jen la eklezio ne rajtas estiĝi komplico de lingvo-imperiismaj centrismaj ŝtatoj, sed ĝi devas defendi la rajtojn de malfortaj popoloj, laŭ la postuloj de papo Johano XXIII en la encikliko "Pacem in terris".

ETNISMO: Ĉu ne via doktoriga disertacio havis rilaton al nia problemaro?

GRULICH: Mi verkis pri la unuiĝinta eklezio en Makedonio, kie dum la 19-a jarcento man-en-mane efektiviĝis la aliĝo de ortodoksaj slavoj kun la batalado kontraŭ la greka subpremado. Longan tempon katolikoj eĉ esperis tiri la aromunojn aŭ makedon-rumanojn en la roman kampon. Bedaŭrinde la du balkanaj militoj, precipe per la masakroj faritaj de grekoj, fakte detruis tiun ĉi unuiĝintan slavan eklezion, sed la etnaj problemoj en tiu ĉi parto de sudorienta Eŭropo restas nesolvitaj.

ETNISMO: Krom en nia informilo, ĉu vi kunlaboras en ĉi-temaj revuoj aŭ institucioj?

GRULICH: Inter revuoj mi menciu artikolojn en "Europa Ethnica", "Königsteiner Studien", "Digest des Ostens". Koncerne instituciojn aŭ asociojn: Mi membras en AIDMLK; mi apartenas al la kuratorio de la fondintoj de la "Internacia Instituto pri Interetna Juro kaj Regionismo", starigita en 1977 fare de Josef Stingl (Estro de la ŝtata FRG-Oficejo por Laborperado). En la studcentro "Der Heiligenhof" mi gvidas laborgrupon pri etnaj kaj minoritataj problemoj. Kaj mi estas speciale kontenta pri la antaŭ nelonge ricevita invito, fare de Olav Meinhardt, estiĝi individua membro de la Federacia Unuiĝo de Eŭropaj Etnaj Minoritatoj.

ETNISMO: Kaj kiaj vi taksas la perspektivojn de AIDMLK?

GRULICH: Mi estas tre optimisma pri la laboreblecoj de AIDMLK, ĉar tiu ĉi asocio havas aron da aktivaj membroj tra diversaj ŝtatoj. Mi aprezas multe ke la asocio estas superpartia kaj eksterideologia kaj ke ĝiaj membroj apartenas al diversaj profesioj. Propraspertte mi scias ke multaj asocianoj - ekzemple instruistoj - povas multon kontribui al la pli bona kompreno pri minoritataj problemoj. Eventuale akcelendas la kontaktoj kaj interŝanĝoj de spertoj inter la membroj de AIDMLK por ke la diversaj aktivaĵoj estu pli bone kunordigitaj.

ETNISMO: Ĉu la lastatempa ondo de simpatio por etnaj minoritatoj estas

nura modo aŭ ĉu vere ŝanĝiĝas la publika konscio en direkto al etne determinita regionismo?

GRULICH: Kaj ... kaj. Certe ja ŝanĝiĝis la konscio en FRG kaj estiĝis pli favora por minoritatoj, sed tamen multo lastatempe farita ĉe ni tiudirekte evidentiĝas kiel laŭmoda engaĝiĝo de certaj grupoj. Montriĝis ke oni translimiĝis en la nocio de "minoritatoj" kaj - ne konante la precizan celon ekzemple de AIDMLK - inkluzivis en la diskutadon ankaŭ la problemarojn de eksterlandaj laboristoj, enmigrintoj kaj marĝenaj socieroj. Tiaj diskutoj, jes ja, estas bonvenaj, principe, sed ili traktas aliajn kampojn. Ankoraŭ mankas longega tempo antaŭ ol ni estos survoje al etne determinita regionismo, kion, miaopinie, substrekas la sak-strato en kiun glitis la strebado al eŭropa unuiĝo. Eventuale baldaŭ federacia Hispanio povos doni al ni ĉi-rilate novajn impulsojn. Estas necese atentigi pri la fakto ke la federacia modelo, sur etna kaj lingvo-regiona bazo, de la Federacia Respubliko Jugoslavio ĝis nun estas malmulte konsiderata. Jen venĝiĝas ke okcidenteŭropaj federaciistoj bedaŭrinde obeas la principon "Slavica non leguntur." ("Slavaĵoj ne legiĝas.") aŭ tiun ke pro ideologiaj motivoj oni simple estas kontraŭ Jugoslavio.

ETNISMO: Kiel vi juĝas la sintenon de la ĉefaj politikaj ideologioj kiel komunismo, socialismo, liberalismo,konservativismo koncerne la etnan problemaron?

GRULICH: Ĝenerale parolante, komunismaj sistemoj ŝajnas - pro sia ideologio - pli inklini al centrismo. Konservativaj kaj kristandemokrataj sistemoj, male, devus inklini al regionismaj solvoj, surbaze de la principo de reciproka helpo kaj solidareco. Tamen, la praktiko montras ke ekzistas centrismaj ŝtatoj en la socialisma kampo, kiuj brutale asimilas, ekzemple Pollando, kaj same socialismaj federaciaj ŝtatoj kiel la menciita Jugoslavio kun modela politiko rilate minoritatojn. Samo validas en la okcidento kie ni trovas apud ŝtatoj favoraj al minoritatoj - kiel Danlando kaj Svislando - tiel negativajn kazojn kiel Francion kaj Italion. Ĉi-tiu ja cedis certajn rajtojn al siaj "minoritatoj unua-klasaj" - sudtirolanoj kaj aostianoj - neglektante la aliajn, la "dua-klasulojn": sardojn, friulanojn, albanojn, grekojn ktp.
Necesas vidi la problemon de la interetna juro aŭ de la protektado de minoritatoj sen ideologiaj restriktoj, do simple sur la fundamento de la ĝenerale agnoskitaj homaj rajtoj. Eventuale ĉifare estos sukcesaj, en ne malproksima estonto, la klopodoj akceptigi ĉarton de etnaj rajtoj.

ETNISMO: Por fini: Kia estas, viavide, la situacio de la minoritatoj en FRG? Kio okazu, fare de la federacia kaj regionaj registaroj, por konservado kaj plifortigo de la platdiĉa, dana kaj frisa - precipe la saterlanda frisa?

GRULICH: Mi bonvenigus pli da paŝoj favoraj por la platdiĉa kaj la frisa. La neefektiviĝo de tiaj paŝoj montras ke ni ankoraŭ ne estas tiom minoritatemaj kiom ni deziras ke aliaj ŝtatoj estu ... Same montriĝas ke ĉiu etno havas tiujn rajtojn kiujn ĝi elbatalas. Plio da propraj iniciatoj de la platdiĉoj kaj frisoj certe ankaŭ ĉe ni rezultigus pli da sukcesoj. Sed permesu ke mi parolu pri iom alia aspekto de la minoritata problemo en Germanio: pri tiu de la lingvaj minoritatoj inter la eksterlandaj laboristoj. Pensante ĉiam nur pri ŝtatoj ni forgesas ke tiuj homoj foririntaj pro ekonomiaj kaŭzoj venas, en multegaj kazoj, prefere el minoritata regiono de sia ŝtato. Dirante "turkoj" ni ne konscias ke inter ili estas amaso da kurdoj, araboj, armenoj, lazoj, ĉerkesoj ktp. Kiun utilon havas por tiuj ĉi turklingva posttagmeza instruado? Tiu ĉi ekzemple demonstras kiom necesas por unuigi Eŭropon.

* * * * * * * * * * * *

# KONCIZE EL.....

BRIXEN. En tiu ĉi sudtirola urbo efektiviĝis seminario de la "Internacia Instituto pri Interetna Juro kaj Regionismo" de la 31-a de oktobro ĝis la 3-a de novembro 1978. Estis prezentitaj pluraj raportoj pri la situacio de etnaj grupoj en diversaj ŝtatoj, ekz.: "Jugoslavio - Albanio - Bulgario" (Grulich, FRG), "Regionismo en Jugoslavio" (Petriĉ, Jugoslavio), "La Vaska Lando (sudo) kaj Katalunio (eksprinclando) rigarde al la hispana konstitucio" (Gorostiaga, Hispanio), "Regionismo, Federaciismo, Etna Problemo" (Veiter, Aŭstrio), "Cipro - Turkio" (Gstrein, Grekio), "Baltaj Ŝtatoj" (Gerutis, Svislando), "Regionismo kaj Protektado de Etnaj Grupoj en la Skandinaviaj Ŝtatoj" (Modeen, Suomio), "Rumanio" (Zathureczky, Usono), "Regionismaj Gvidlinioj" (Esterbauer, Aŭstrio), "Etno kaj Regiono" (Sobiela-Caanitz, Svislando), "Sudtirolo" (Stadlmayer, Aŭstrio) kaj "La Problemo de la Svisa Ĵuraso kiel Regionisma Problemo" (Veiter, Aŭstrio).

LUKSEMBURGO. La 7-an de oktobro 1978 aperis en la ĉefa luksemburga ĵurnalo "Luxemburger Wort" la ĉi-sekva proklamo de la ŝtata registaro, en la leceburga lingvo:

## Proklamatioun vun der Regirong

Déi Period vu Fridden, an deer mer ewell bal zënter 35 Joër liewen, verdanke mer zum groussen Deel denen, déi sech dër Ënnerdréckong duurch d'Nazië widdersat hun. All eisen Doudegen, all eise Vermëssten, all denen, déi gelidden hu fir d'Iwwerliewe vun eiser Fräiheet an eiser Onofhängegkeet ze sécheren, si mer déiwe Respekt an Unerkennong schëlleg.

Och haut nach behält d'Erënnerong un d'Resistenz hire Wäert, well si d'Wichtegkeet vun eiser nationaler Solidaritéit ënnersträicht, an dernieft d'Festhale vun alle Lëtzeburger un eisen demokratesche Prinzipië beweist, déi garantéieren, dass Recht a Gerechtegkeet iwwer Muecht a Gewalt stin.

Um Owend virun eisem nationale Gedenkdag invitéiert d'Regirong d'Lëtzebuerger Vollek, fir zesumme mat der groussherzoglecher Famill an den Autoritéite vum Land un déi ze denken, déi dës Resistenz duurch schwéier Affer an dacks esouguer mat hirem Liewen hu misste bezuelen.

Lëtzebuerg, de 7. Oktober 1978.

D'Membre vun der Regirong: Gaston Thorn, Benny Berg, Emile Krieps, Joseph Wohlfart, Robert Krieps, Jean Hamilius, Jacques Poos, Josy Barthel, Albert Berchem, Guy Linster, Maurice Thoss.

Resume, la teksto diras ke la pacoperiodo de preskaŭ 35 jaroj estas dankenda al tiuj kiuj kontraŭstaris la nazian subpremadon kaj mortis, ne revenis aŭ suferis por la libereco kaj sendependeco de la lando. Substrekindas la nacia solidareco kaj la insistado pri la demokrata principo, kiu garantias justecon. La registaro invitas la popolon memori la mortintojn.

La grandega plimulto de la artikoloj estas germanlingvaj, kelkaj franclingvaj kaj escepte iuj leceburglingvaj en tiu ĵurnalo.

DONOSTIO. La deputito Francisco Letamendia ("Ortzi"), de la elektokoalicio "Euskadiko Ezkerra", la 8-an de novembro 1978, proteste deklaris sian rezignon pri sia parlamenta seĝo. Li argumentis ke la vaska popolo ne povas akcepti la restojn de la frankismo, sed volas veran demokration interne de la hispana ŝtato, kaj li riproĉis al la parlamenta grupo miksita, al kiu li apartenis, la laŭproceduran silentigon de la sola voĉo de la vaska maldekstro. - La seĝon de "Ortzi" okupos, laŭ lastaj rektaj informoj el "Euskadiko Ezkerra", la surlista sekvonto: Patxi Iturrioz, de "Komunisma Movado de Eŭskadio".

LONDONO. La renoma organizo "Minority Rights Group" (Benjamin Franklin House, 36 Craven Street, London WC2N 5NG, Grandbritio) invitas al konkurso: Verku artikolon, de ne pli ol 1.5oo vortoj, pri la temo:

KIUJ DEVUS ESTI LA RAJTOJ DE LA MINORITATOJ?

kaj sendu ĝin, en tri ekzempleroj, antaŭ la 31-a de januaro 1979 al la supre menciita adreso (niakomprene, en la angla aŭ franca lingvo). La plej bona aŭtoro gajnos premion de 5oo pundoj. (Laŭ "LE MONDE", o3.1o.78)

## IKEL-INFORMILO 1

# NOVA PAŜO POR INTEGRIGI ETNISTOJN KAJ INTERNACIISTOJN

Kiam, en 1972, la Asocio Internacia por la Defendo de la Minacataj Lingvoj kaj Kulturoj (AIDMLK), okaze de sia kongreso en Klagenfurt/Celovec (Karintio, Aŭstrio) decidis alpreni tiun ĉi nomon kiel unuan, sub kiu aperu alilingvaj formoj, la tiutempe ege malmultaj internacilingvaj membroj de AIDMLK aŭdacis esperi ke nomo estas programo. Evidentiĝis intertempe ke la plej multaj aktivuloj de AIDMLK, simile kiel tiuj de la esperantismaj organizoj, ne komprenas la interdependecon de la diversaj aspektoj de la lingva problemo.

Post preparaj diskutoj dum la AIDMLK-kongreso en Barcelono, ĉi-julie, grupeto da integristoj fondis, en la kataluna ĉefurbo, la 25-an de septembro 1978 asocion sub la nomo

INTERNACIA KOMITATO POR ETNAJ LIBERECOJ ( IKEL ).

Citaĵo el la statuto akceptita samdate plej klare montras la intencojn:

"2. Agad-principoj 2.1. La asocio bazas sian agadon sur la principo de de ĉiu etno en la kadro de tuthomara solidareco. La konsistigaj elementoj de etno estas la komunaj denaska lingvo kaj tradicio. 2.2. La asocio tutmonde
2.2.1. - kolektas informojn pri la historio kaj nuna situacio de la etnoj;
2.2.2. - diskonatigas tiajn informojn per ĉiuj adekvataj rimedoj, precipe per publicaĵoj, seminarioj, prelegoj kaj manifestacioj;
2.2.3. - intervenas ĉe lokaj, regionaj, ŝtataj kaj internaciaj institucioj kaj aŭtoritatoj por forigi diskriminacion kontraŭ etnoj;
2.2.4. - pledas por la uzado de la internacia lingvo Esperanto en ĉiuj interetnaj rilatoj.
2.3. La asocio kunlaboras kun ĉiuj movadoj, institucioj kaj individuoj sur la kampo de batalado kontraŭ etna diskriminacio, restante tamen sendependa de kiu ajn parti-politika aŭ religia ideologio."

La fondintoj de IKEL elektis provizoran estraron, kiu ampleksas la laŭstatutan minimumon de 4 personoj: prezidanto - Uwe Joachim Moritz, Stolberg (FRG), vicprezidanto - Llibert Puig, Sabadell (Katalunio, Hispanio), sekretario - Francesc Ibañez, Barcelono, kasisto - Llorenç Martí, Sabadell.

La jara membrokotizo estas 20,-- gm kaj inkluzivas la abonon de ETNISMO, en kiu aperas la oficialaj informoj de IKEL.

La fondintoj decidis ke la unua ordinara membrokunveno okazu dum la 64-a Universala Kongreso en Lucerno, inter la 28-a de julio kaj la 4-a de aŭgusto 1979.

IKEL apelacias al ĉiuj aktivantoj en la kampo de etnaj/lingvaj problemoj ke ili membriĝu en IKEL, kiu klopodos esti peranto inter la du movadoj, tiu de la protektado kaj prosperigo de la minacataj lingvoj kaj tiu de la Internacia Lingvo.

La laŭstatuta sidejo de IKEL estas ĉe la prezidanto, do:

Feldstr. 38, D - 5190 Stolberg 8, F.R. Germanio.

(En n-ro 20 de ETNISMO estas aldonitaj la statuto kaj aliĝilo.)

Estimataj legantoj, karaj geamikoj,

malofte mi direktas min tiel ĉi al vi. Evidente, la celo de ETNISMO estas informi pri okazaĵoj koncerne etnojn kaj komenti ĉion ĉi, kaj ne interesas la procedo de produktado de tiu ĉi informilo. Tamen, hodiaŭ mi ja devas, almenaŭ por momento, forlasi la kutiman linion, ĉar tiu ĉi numero estas divers-punkte nenormala:

1. Ĝi ampleksas 28 paĝojn, do preskaŭ la duoblon de alia numero. Mi tamen ne nomas ĝin duobla numero, ĉar tio estus duon-trompo. Vi, aliaflanke ne bezonos multe kalkuli por konstati ke la produkto- kaj sendokostoj ĉi-foje estas esence pli altaj. Tiu ĉi kromaĵo sekve tre senteble ŝveligas la "normalan" deficiton de proksimume 800,-- gm (jes ja: okcent germanaj markoj) jare. Alivorte, por ordinara ekzistado ETNISMO bezonus la duoblan nombron de abonantoj aŭ ..... la jarkotizo devus esti 16,-- gm anstataŭ la nunaj 8,-- gm.
   Mi kuraĝas apelacii al vi ĉiuj, kondiĉe ke vi volas ETNISMO-n, ke vi klopodu fari tri aferetojn:
   - Tuj reabonu ĝin ĝirante la kotizon por 1979.
   - Enketu ĉu ankaŭ vi povus sekvi la modelon de kelkaj legantoj, kiuj ĉiujare pagas iom pli ol ili devas.
   - Plej bone, klopodu varbi abonantojn kiel ĉi-jare grandskale faris Renato Korseti, Romo, logante - precipe inter neesperantistoj - 14 novajn legantojn kaj tiel kvarobligante la italiajn abonantojn!
2. Se vi opinias la enhavon iusence unuflanka, kritikinda, bonvolu ne heziti: Sendu viajn korektojn de perspektivoj ktp., kaj, ĉiukaze sendu k o n t r i b u a ĵ o j n  kaj  f o t o j n koncerne la situacion de etnaj grupoj. Mi planas la sekvantan numeron por februaro aŭ marto 1979.
3. Interne de tiu ĉi kajereto vi trovos du aldonaĵojn, kiujn bonvolu aparte atenti:
   - La kvazaŭ-anoncofolio pri SEMAJNO estas farita sub la plena responso de ETNISMO.
   - La statuto de IKEL, kun aliĝilo, kompletigu la informojn donitajn en paĝo 27 kaj, kompreneble, instigu vin m e m b r i ĝ i en IKEL. Konsciu ke por vi kiel ĝisnuna abonanto de ETNISMO temas pri 12,-- gm de jarkotizo!

Dankante vin pro via ĝisnuna unu- aŭ aliaspeca kontribuado kaj esperante pri via solidareco, vin salutas

plej sincere via Uwe Joachim Moritz

ETNISMO INFORMILO PRI ETNAJ PROBLEMOJ

Eldonas kaj redaktas: Uwe Joachim Moritz, Feldstr. 38, D-5190 Stolberg 8 (FRG), tel.: 49-2402-72336, poŝtĝirkonto: 232612-306 Hannover.

ETNISMO aperas 3 fojojn jare. Tiu ĉi estas la tria numero de 1978.

Jarabono (kalendara jaro): 8,-- gm (aŭ 12 internaciaj respondkuponoj).

Nepre ne sendu ĉekojn sen antaŭa interkonsento! Evitu bankajn ĝirojn el eksterlando! Kaze de ĉeko aŭ internacia banka ĝiro mia banko kutime subtrahas siajn kostojn el la ĝiraĵo/ĉeksumo kaj ETNISMO perdas.